## Ĉefredaktoroj:

**_Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay_**

## Redaktoroj:

**_Karlo Bodó kaj Francisko Szilágyi_**

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), T. Cart (Paris), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloš Lukáš (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. E. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. Totsche (Budapest), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Redakcio kaj administracio:**

**Kolomano Kalocsay.**

Budapest. VIII. Szentkirályi-u. 3. I.

Telefono: József 382—98.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.




## NIA POŜTO

*Al konkursonto.* Jes, la 30,000 litertipoj estas preseraro. Efektive ĝi devas ampleksi ne pli ol 300,000 litertipojn. Ni akceptas vian konkursajon ĝis fino de aprilo.

*E. Cravey, Terry, U. S. A.* Dankon por la senditaj 5.— dolaroj. La sumon ni skribis por via konto kaj ni sendos al vi la anoncitajn originalajn verkojn. Cetere dankojn por viaj afablaj vortoj. La Forge verkon ni ekspedos post kelkaj tagoj al vi.

*S-ro Mannens, Hoensbroek.* Preter la Vivo, dua eldono, jus sendita al vi.

*S-ro Ŝirjaevŭ, Baklanka.* Via abonpago ankoraŭ ĉiam ne alvenis. Pri la eldono de via enciklopedio sekvas detala letero.

*F-ino E. Wolf, Heveederp.* Via mono ankoraŭ ne alvenis. Ni jam sendis ankaŭ la duan numeron kaj sendos la pluajn. Cetere abonojn ni plenumas nur post antaŭa pago.

*Modo, Lodz.* Via traduko estas bonega. Ni nepre represos ĝin.



La aprila numero de nia gazeto aperos la 23-an de la monato

# La rakonto pri Gunnel

**Pelle Molin**


un la parolanto estis la bela filo de Gunnel, la fabelema : » — kaj ĉar tiu via subita simpatio devas esti klarigita... mi volas memorigi vin pri io, kio estis kara al vi en la tagoj de via juneco... kara vizaĝo.. dolĉa voĉo... aŭ haroj, blondaj kaj krispaj, kiel la miaj...«

La junulo parolis malrapide kaj kun flegmo, kiu ne estis propra al li.

Interne de li elkriis Gunnel sian senesperan doloron pro la perdita reĝo de la memorplena somero, pri la reĝo, kiu forlasis sian reĝinon kaj pli ol tion. Interne de li kriis la sciemo de lia infaneco kaj la venĝemo de lia junuleco. Interne de li kriis okazaĵo en la montegaro, okazaĵo en somera suno kaj vintra neĝo : disŝiru lian koron kaj superŝutu lin per doloro !

»— Jes, panjo estis blonda, kiel mi. La haroj estis senordaj kaj krispaj. Ŝi havis miajn okulojn, kaj mi havas ŝian rigardon. Certe vi ne konis ŝin... Gunnel, la fabelema, *Gunnel Björklid*... ?«

La nejuna sinjoro iĝis tute blanka je la vizaĝo. Li malfermis sian buŝon por diri ion — sed diris nenion.

»— Sed kiu konas«, diris la junulo, »la vojojn kaj vojetojn de la homoj ? Mi ja ne povas scii, kie iradis profesoro de ŝtonoscienco dum sia vivo. Ni havas strangajn specojn de ŝtono hejme, ĉe ni, en la montegaro.«

Li turnis paron da fulme bluaj okuloj sur la alian, sed li ne trovis lian rigardon. Li vidis rigidiĝintan vizaĝon kun maltrankvile moviĝantaj palpebroj kaj la manon de studĉambrulo, firme ĉirkaŭprenantan la ŝipobordon.

La vaporŝipo veturis kontraŭflue en bela rivero inter altaj bordoj. Trunkoj por la segejoj preterglitis laŭ rotoj kaj duonrotoj. La ŝipestro sidis inter amikoj ĉe sia punĉotablo, kaj la ekridoj ondis supren kaj malsupren.

»— Panjo, maljuna panjo ! Jes, ŝi estas nun de longe mortinta. Iĝis tro penige por ŝi portadi tion... kaj fine ŝi falis senforta sub la ŝarĝo. Tio estis la sola doloro, kiun ŝi kaŭzis al mi — Gunnel Björklid — kaj estis kun plorantaj larmoj... Mi ne komprenas, kio alligis ŝin al la vivo. Kelkfoje mi kredas, ke eble mi, ŝia filo... sed aliflanke tamen ne mi, sed io alia, kion mi ne konas. Mi neniam vere komprenis ŝin... tion, kion ŝi kaŝis kaj neniu konis...«

Per la piedo li ekŝovis sian betulŝelan tornistron, pli sub la benkon, kaj levis siajn bluajn okulojn sur la alian.

»— Vi venas al mi kaj diras, ke vi sentas strangan simpation por *mi*, kiun vi neniam antaŭe vidis ! *Ŝin* vi amus !«

La bluaj okuloj sin ne deturnis. Nun ili vidis, kiel la alia kvazaŭ kuntiras kaj ekhavas pli rigidan vizaĝon. Poste la blua rigardo sin turnis al eleganta valizo kun bela nomo sur arĝenta plateto. Li enpense faris kapmovon.

»— Jes, vi komprenas, malfeliĉaĵo okazis al ŝi iun someran tagon... kaj poste venis alia malfeliĉaĵo, infano — kaj la infano estis mi. Antaŭe ŝi vivis sur sia somera paŝtejo kiel hela kaj mirbela infano de la naturo kaj fantaziadis kaj kantadis sunbrilon de la mateno ĝis la vespero, tiel ke fulmis kaj brilis ĉirkaŭ ŝi... *Mi* venis tro malfrue por aŭdi ŝin kanti sunbrilon...«

Li rigardis la alian kaj ree aŭdiĝis lia kvieta enpensa voĉo :

»— Kaj kiu tion kaŭzis, tiun mi malbenis tiel longtempe, kiel mi povis malbeni... Sed mi sidas tie ĉi rakontante al vi historion, kiu ne havas intereson por vi... kaj la vojaĝantoj preteriradas mirante, kial junulo el la montegaro kaj eleganta sinjoro el Stokholmo aŭ Upsala havas tiom priparolotan... kaj la vilaĝoj sur la riverbordoj preterglitas verdaj en somermeza suno... kaj la vivo povas esti bela kelkfoje... sed neniе mi povas forgesi, ke mi havas kelke da malbenoj, ĉiutage dirotaj super nekonata viro... Sed estas ja malvarme al vi meze de la varmega somera tago, mi vidas... !

Jes, ploradon mi aŭdis super mia lulilo — kaj strangajn poeziojn. Amon mi ricevis pli ol ĉion alian. Vi ne povas imagi, kiom dolĉe ŝi povis kisi kaj flustri: »Mia knabeto — mia knabeto !« Se vi ricevus kison de ŝi, vi neniam forgesus ĝin. Jes, Gunnel Björklid povis kisi... Dio scias, kiu instruis ŝin...«

La profesoro ĵetis rapidan rigardon sur la junulon kaj renkontis paron da senkompate ruzaj okuloj.

»— Kaj borante mian nazeton proksimen al ŝia brusto mi ĉiam sentis dolĉan bonodoron de arbaro... arbaro kaj mistiko... kaj iom da mistera bela malproksimo, kiun mi komprenis kaj ĝuis, sed kiun mi neniam povis nomi...«

La viro sidis rigide kaj silente.

»— Al mi multe rakontis pri ŝi tiuj, kiuj ŝin konis dum ŝia floranta juneco. Strangaj homoj ĉiuj. Oni fantaziis multe en tiu izola valo inter la montegoj, kaj tie la homoj vivis du vivojn. Unu akompanis ilin dum la ĉiutaga laboro hejme apud la grizaj dometoj. La alia akompanis ilin en la arbaro, loĝis kun ili sur la somera paŝtejo, kunestis kun ili en la malgrandaj segejoj, mueliloj ĉe la riveroj, igis ilin per sorĉo perdi la vojon sur la marĉo, mistike kriis al ili de pinoj kaj abioj, de montoj kaj deklivoj. — Ho, se vi povus kompreni ĉion ĉi ! Tiu alia vivo ne povis transiri Lappmyrhöjden sen la sento, ke io stranga okazos en kiu ajn momento, kaj neniam transpasis paŝtejon en la vesperiĝo ne aŭskultante, ĉu aŭdiĝas la hundoj de la koboldoj, kiuj bejas du bojojn samfoje — aŭ timtremi pro la sekretplenaj infanoj, kiuj ploras sub la planko de la paŝteja dometo. Tiaj misteraĵoj kelkfoje igis eĉ la plej memfidajn maljunulojn en la vilaĝoj kuregi tiel, ke la betulŝelaj ŝuoj frapis ilian longan, nekombitan nukhararon — laŭlonge de la vojeto — antaŭen sur la deklivo — malsupren sur la vilaĝa vojo — hejmen al la dometo. — Ho, tiuj homoj, vivantaj en fantaziado, sinjoro-profesoro ?

La homoj tie hejme — ili estis rezino, turdo kaj linnaea.

Mi vidas tiom klare mian hejman vilaĝon en la montegaro — grizaj domoj, sin kunigintaj en grupeton por ne esti tiel plorige solaj, kiam la vintro staras mallume super la lando. Iliaj lumantaj fenestretoj estas kiel la okuloj de aro da lupoj. Sed en la lumo de la somera nokto ili kuŝas tie kiel aro de kaproj, atendante la sunon...

Vi kompreneble neniam aŭdis pri Gunnel la

fabelema. Kiam ŝi preteriris kun sia enpensa poeta rigardo kaj sia ora harligo sur la dorso, kapaprobis ĉiuj maljunulinoj, kaj ĉiuj maljunuloj korvarmiĝis, kaj la junuloj sentis suferigan deziron en siaj koroj. — Vi komprenèble neniam aŭdis Gunnel rakonti — sed Dio scias, de kie ŝi prenis siajn kolorojn! Unu rakonto estis violkolora kaj melankolia kun malhelaj estaĵoj moviĝantaj en la krepusko. Alia estis bluegriza. Ĝi estis rakonto en la nebulo de la lago dum aŭtuna mateno. La kolombo ofte kriis en tia rakonto. — Aŭ ŝi sidis, helhara kaj bluokula, ensorĉante la aŭskultanton en okazaĵon, kiu estis fulme flava en brilanta suno. Kaj meze en ĉio oni povis aŭdi la gruon krii kaj la bovinan tintilon tinti el la arbaro...

Ŝi, Gunnel, kiu estis tiom dolĉanima, iutage ĉirkaŭprenis mian gorĝon per siaj fingretoj kaj ekpremis. Tiam ŝi ploris kaj kriis virnomon, kiun mi neniam antaŭe aŭdis. Neniu havis tiun nomon en nia regiono. Mi kredas — ĉu vi ne kredas, same kiel mi, ke ĝi estis la nomo de iu, kiu foriris malproksimen de ŝi — kiun ŝi volis revoki...?«

Li ridetis vidante, kiel la alia ektremas.

»— Forgesi«, li diris, malrapide, kvazaŭ li volus suferigi ium, »forgesi, kion oni aŭdas en tia momento, tion neniu povas... Kion vi kredas? Kiam la plej amata, kion mi havas sur la tero, freneziĝas pro doloro kaj ĉagreno — ĉu mi povus forgesi, kion mi aŭdis, kiam mi sentis ŝiajn ferajn manetojn ĉirkaŭ la gorĝo? — Sed tion mi faris. Mi estis tro juna por kompreni, ke tiu tago venos, kiam mi havos kelkajn aferojn priparolotajn kun tiu sinjoro... Ĉu vi ne, same kiel mi, kredas, ke ĝi estis la nomo de tiu, kiu foriris forlasante ŝin kaj min?«

Li metis la manon sur la ŝultron de la profesoro kaj diris kviete:

»Kelkfoje mi sopiris paroli la trankvilajn vortojn de trankvila viro kun la fremdulo, kiu igis ŝin plori dum tiuj jaroj. Mi dezirus lin vidi — la someran reĝon de Gunnel — mi, kiu estas ŝia fantazia princo. Ho Dio, kia viro li nepre estis tiun sunbrilan tagon, en kiu li konkiris Gunnel per la rajto de la juneco kaj amo. Mi dezirus vidi lin tie ĉi antaŭ mi kaj paroli

---

# DANTE: INFERO

## KVINA KANTO

Vergilio kondukas Dante-n el la unua rondo de l' Infero, kie troviĝas la Vestiblo, loko por nebaptitaj senpekuloj, en la duan rondon, kie jam komenciĝas la punado de veraj kulpoj. Ĉe la eniro staras diablo-juĝisto Minos. Laŭ la mito li, filo de Zeus kaj Hera, estis reĝo kaj leĝdonanto de Kreto, kaj pro lia granda, severa justeco Zeus post lia morto faris lin juĝisto de Hades'.

Tie ĉi damniĝas la kulpuloj de amo, kiuj »submetis saĝon al libida (seksinstinkta) sento.« Inter ili: *Semiramis*, asira reĝino, fama pri sia lasciveco (malĉasta voluptemo), ŝia fama leĝo estis: licas (estas permesate), kio plaĉas (licitum quod libitum). *Dido*, reĝino de Karthaĝo, vidvino de Sychaues; laŭ la *Aeneis* de Vergilio ŝi enamiĝis al la traveturanta Aeneas (prapatro de Romanoj) kaj forlasite de li, ŝi bruligis sin sur ŝtiparo. *Cleopatra* egipta reĝino, amatino unue de Julius Caesar, poste de Antonius, post la malvenko de ĉi lasta ŝi mortigis sin. *Akhilo* estis venkita de sia amo al Polyxena, ĉe lia edziĝo lin trafis la mortiga sago de Pariso. *Helena*, la kaŭzo de la Troja milito, estis mortigita de greka virino, kiu venĝis per tio sian edzon falintan sub Trojo. *Pariso*: fuĝiginto de Helena, li falis per la sago de Philoktetes. *Tristano*: Amanto de Isolda, kaj mortigita de ŝia edzo, reĝo Marke. *Francesca* (da Rimini) edzino de Gianciotto, enamiĝinta al sia bofrato Paolo. La edzo surprizis kaj mortigis ilin. Lin atendas la infera loko *Kaina*, kie la fratmurdintoj damniĝas, ĝiskole frostiĝinte en glacio.

*Lanceloto*, kavaliro de la mita reĝo Arturo, amis Ginevran, edzinon de Arturo. *Galeotto* estis ilia amperanto kaj tentanto.

Nun en la duan rondon ni descendis.
  Ĝi malpli grandan lokon ĉirkaŭbaras,
  Sed tie des pli da dolor' veplendis.
Terure kaj dentgrince Minos staras
  Ĉe la enir' kaj kulpojn ekzamenas
  Kaj per vost-volvo regas, juĝon faras.
Ĉar se animo misnaskita venas
  Kaj ĉiujn kulpojn antaŭ li recitas,
  Li, kiu l' kulpojn konas kaj komprenas.
Pri l' lok' infera pese primeditas,
  Kaj faras vosto-ringojn, tiel multe,
  Kioman infer-gradon ĝi meritas.
Senĉese venas la popol' tumulte,
  Por juĝ' la kulpojn portas ĉia gento,
  Rakontas, aŭdas, iras plor-singulte.
»Vi alveninta Domon de l' Turmento«
  Alkrias Minos, kiam min ekvidas,
  Lasante la oficon por momento,
»Kiel eniros vi, kaj kiun fidas?
  Ne trompu vin la larĝo de la pordo!«
  Sed diras al li nun, kiu min gvidas:
»Kial vi bruas. Li, laŭ fata ordo
  Pluiros! Jen la volo tie, kie
  La volo estas pov'. Demandojn for do!«
Eksonis nun doloraj voĉoj krie.
  Ni venis lokon, kie orkestro tuta
  De veoj, ĝemoj batis min furie.
Jen estis lok' de ĉiuj lumoj muta.
  Ĝi muĝis, kiel mar' dum furioza
  Batal' kun vento malamike bruta.
Infera vent', eterne senripoza,
  Spiritojn multajn tie ŝire trenis,
  Flugige, bate, en turnado kroza.
Kiam al la ruino ili venis,
  Kun ploro kaj veado kaj lamento
  La Dian Forton ili ekblasfemis.
Eksciis nun mi, ke per ĉi turmento
  Damniĝas kiuj pekis per la karno,
  Submetis saĝon al libida sento.
Kaj kiel sturnoj, en temp' de malvarmo,
  En granda, plena grup' sin fluge tiras,
  Tiel en vent' la misspirita svarmo
Malsupren, supren, al kaj re flugiras,
  Sciante, ke ne nur ripozon tie,
  Sed eĉ mildiĝon vane ĝi sopiras.
Kaj kiel gruoj iras, kaj molkrie
  Linion longan fluge el si ligas,
  Ĉi ombroj tiel veas letargie,
Dum la tempesta vent' ilin flugigas.
  Mi diris: »Majstro! Tiu nigra vento
  Kian popolon tiel vip-instigas?«
Respondis li: la estro de l' taĉmento,
  Pri kiu nun scivolas via voĉo,

kun li, same kiel mi parolas kun vi, kviete kaj trankvile, kaj tiom kore kiom kviete malbeni lin. Li ne aŭdus la vortojn, ne sentus ian mankon de afableco, sed mi esperas, ke li pli malpli frue sentus la bonigan efikon de miaj petsopiroj.«

»Ne — ne — tiel ne parolu!« diris la profesoro per dika voĉo.

La bela filo de Gunnel, la poeto, kunmetis siajn manojn antaŭ la genuon kaj ekrigardis en la sunbrilon.

»Oho, oho«, li pensis. »Certe, se vi efektive estas tiu, kiu vi miaopinie estas, mi trenos vin je la piedoj, maljuna marmoto. Se efektive ekzistas ia animo krianta en tiu ĉi maljunulo, li havos sian krizan tagon hodiaŭ.«

Nun ree la profesoro:

»Ĉu la vivo ne estis malfacila kaj mizera tie en la izolejo? Ĉu ŝi neniam aŭdis ion pri tiu fremdulo?«

»Monon, vi volas diri? Jes, ŝi ricevis monan leteron. Imagu: li sendis monon al ŝi... ĉu tio ne estas malnobla? Ĉu ne? Fi, la diablo kaptu lin... Tiun tagon, en kiu ŝi ricevis la leteron, ŝi senforte kunkurbiĝis sur la ŝtupo, kaj ŝiaj rondaj ŝultroj skuiĝis kaj tremis. Mi diras al vi, ke nun vere finiĝis ŝia somera fabelo. Komence ŝi iradis fervore prizorgante sian domon por la vintro. La jaro estis mizera. Sur ŝiaj kampetoj la frosto leviĝis blankvestita el la marĉo kaj mordis la hordeon, tiel kruele, ke ĝi mortis. Ŝi estis senlace laborema kelke da tagoj, sed ŝi murmuradis, kie ajn ŝi iris: »Oni devas pripensi tion ĉi — oni devas pripensi tion ĉi. Estas pli ol mi povas kompreni, kio nun fariĝos kun mi.« Sed post tiu tempo ŝi ofte sidis kurba, kun la stria antaŭtuko ĵetita sur la kapon, provante nur ne pripensi tion — ne pripensi tion — ne pripensi tion...

La mizera terstrio ĉe la malhela fluanta akvo vidis en tiu aŭtuno senesperan virinon vagadi, vidadi kaj aŭskultadi. Se la norda vento estis blovinta longtempe kaj malgrandaj blankaj nubetoj glitis linie de nordo suden, tio por ŝi estis la vojo de la migrantaj birdoj — kaj ŝi sendis sian saluton al la reĝo de la junia fabelo. La aŭtuno estis veninta por ŝi kaj neniam plu forlasis ŝin, eĉ ne, kiam ŝi naskis min post kelke

---

Estis reĝino de multnombra gento.
Ŝi dronis en volupto kaj diboĉo,
Ŝi leĝis: licas kio plaĉon vekas,
Ke ne malhelpu ŝin mem la riproĉo.
Jes: Semiramis: pri ŝi oni legas,
Ke ŝi heredis post la edzo Nino
La teron, kie la sultan' nun regas.
Pro am' bruligis sin tiu virino,
Al ostoj de Sycheus malfidele.
Jen Kleopatra, kun lasciva sino.«
Helena venis, pro kiu kverele
Popoloj sangis, kaj granda Akhilo:
Ĉar amo venkis fine lin kruele.
Pariso kaj Tristan' kaj poste milo
Da ombroj, manmontritaj, kiuj fate
Pro amo devis morti per armilo.
Dum tie flugis, de l' Doktor' nomate,
Heroo j, belulinoj inter ili,
Mi konfuziĝis, larmis mi kompate,
Kaj diris: »Majstro, volus mi babili,
Kun la du ombroj, kiuj flugas pare
Kaj al la vento ŝajnas pli facili.
Kaj li: »Atendu, ĝis ili najbare
Flugos, kaj petu ilin je l' amforto
Ilin portanta: ili restos stare.«
Kiam alvenis ili per vent-porto,
Mi kriis: »Ho, animoj turmentataj!
Se permesate, venu do por vorto.«
Kaj kiel la kolomboj am-malsataj
Al dolĉa nesto flugas en rapido,
Aerfrapante per flugiloj bataj,
Simile ilin, el la grup' de Dido
Altiris al ni tra l' aer' terura
La voĉ' kompata, kvazaŭ forta brido.
»Ho, korp-anim', bonvola, kara, pura!
Veninta en ĉi nigron ĵus de l' Tero,
Kiun per sango pentris ni purpura,
Se tio plaĉus Reĝon de l' Etero,
Ni preĝus pacon por vi, kiu sentas
Kompaton kontraŭ ni en ĉi mizero.
Ĉu aŭdi, aŭ paroli vi pretendas?
Ni aŭdos, aŭ parolos, laŭordone,
Dum la ventego, kiel nun, silentas.
Nin oni naskis tiuregione,
Kie la Po la maron jam eniras,
Por havi pacon, kun kunuloj, drone.
Am', kiu korojn flate rab-akiras,
Lin pelis al mi, al ĉi korp' gracia,
Murdita tiel, ke l' memor' min ŝiras.
Am', por amatoj forta trud' magia,
Min pelis al li, kaj kun tia forto,
Ke jen, eĉ nun ne ĉesis brulo ĝia.
Amo nin puŝis al komuna morto,
Murdinton nian Kaina jam invitas.«
Jen ili plendis vorton post la vorto.
Dum la dolora par' tiel recitas,
La frunton klinis mi kaj kline tenis,
Ĝis Majstro diris: »Kion vi meditas?«
Kaj mi responde la parolon prenis.
»Ve, al ĉi voj' dolora ilin kiom
Da dolĉaj pensoj kaj deziroj trenis!«
Nun, turne al ŝi, diris mi ĉi tion:
»Francesca, ho, pri viaj dolorŝiroj
Ĝislarme sentas mi melankolion,
Sed en la temp' de l' dolĉaj ĝemospiroj,
Ho diru, kiel logis vin Amoro
Ekkoni duban vojon de l' deziroj?«
Kaj ŝi: »Ne estas pli granda doloro,
Ol rememori pri feliĉ' en prema
Mizero; scias ĝin via Doktoro.
Sed se vi estas tiel scivolema
Pri l' amoĝermo, estos mi simila
Al iu, jen parola, jen ekĝema.
Ni, solaj, iun tagon legis pri la
Kreskanta am' de Lancelot'. Suspektis
Nenion ni en la duop' trankvila.
Rigardon li multfoje interplektis
Dum lego, palis jam vizaĝo nia,
Sed jen la punkto, kiu nin infektis:
Kiam ni legis pri l' ridet' radia
De l' kisdezir', pri ĝia dolĉa vibro,
Li, por eterne jam kunulo mia,
Buŝkisis min kun trem' en ĉiu fibro.
Galeotto iĝis libro kaj aŭtoro,
Ĝi tage ni ne legis plu de l' libro.«
Dum li parolis, la kunul' kun ploro
Lamentis tiel, ke mi tute palis,
Kaj sentis kvazaŭ morton ĉirkaŭ l' koro,
Kaj kvazaŭ morta korp', mi terenfalis.

*El la itala: K. Kalocsay*

da monatoj kun doloro pli anima ol korpa. Min tamen ĝojigas, ke mi estis ĝojigaĵo por ŝi — ho, mia bela patrino! Mi ĝojigis ŝin. Ŝi tion diris al mi, antaŭ ol la okuloj rompiĝis en tiu kapo, kiu estis arĝente blanka, antaŭ ol ĝi atingis sian tridekkvinan jaron, la mortjaron...

Kion vi opinias pri la rakonto, sinjoro?

Sed longe post la komenco de marto venis varmaj ventoj de la Golfa fluo. La arbaro nigriĝis, gutis de la pinoj. En tia tago ŝi alpiedigis siajn skiojn. Ŝi sentis, ke ŝi havos sian krizan tagon, kaj tiun ŝi ne povis atendi senmova. Estis malĝojo, tro granda por esti komprenebla. Dio konas la vojojn de eraranta animo, sed kial — kial — kuregis ŝi skie supren en la montegaron atendante ion tian — Kion ŝi intencis viaopinie? Ĉu ŝi intencis daŭrigi la vivon?... La neĝo algluiĝis al la piedoj, kaj estis malfrue, kiam ŝi atingis la dorson de la Tjala montego. Lupoj ŝin sekvadis. Tie ŝi devis sidiĝi — kuŝiĝi — kaj tie mi naskiĝis... Tio estas la historio de Gunnel... Tiun montegon transiras homo eble unufoje ĉiun trian semajnon. Se tio ne okazus tiun tagon — kio poste, sinjoro? Ankoraŭ hodiaŭ mi ne scias, ĉu la lapono, kiu venis, sekvis la postsignojn de la lupoj aŭ de la skioj, sed li venis ĝustatempe. Li helpis ŝin — banis min en la neĝo — prenis min en sian jaketon kaj skikuregis malsupren de la montego tra Granliden ĝis Maktoberg. Ŝi postsekvis, silenta, senforta kaj senplora en la vesperiĝo, kelke da horoj poste.

Kion vi opinias pri la rakonto? Estis preskaŭ tuta mejlo ĝis Maktoberg de la sanga loko en la neĝo... Kion vi diras pri la rakonto? — Estas la rakonto pri Gunnel... Vi havas larmojn en la okuloj. Dio en la ĉielo, sinjoro, se vi ne havus larmojn en okuloj...!«

»Vi ne havas eĉ eron da kompatemo«, murmuris la alia.

»Ĉu la — hm — fremdulo estis pli kompatema?«

La juna poeto, la bela filo de Gunnel, ekrigardis la elegantan viron apude.

»Mi deziras krii insulton en la vizaĝon de iu«, li diris.

»Ĉu ŝi neniam parolis pri la somero, kiam la fremdulo venis al ŝi?« La demando estis preskaŭ flustro.

»Ne, sed la homoj rakontis pri ĝi.«

»Kaj kion ili diris?«

»Multon. Pli ol estis vera. Fine mi nenion volis aŭdi... Ŝi paŝtis mem sian brutaron en tiu somero, kiel vi scias. La paŝtejo estis malproksime de la vilaĝo. La okazaĵo multe dependis ankaŭ de ŝia soleco tie. Tiu paŝtejo ne estis bona por sola homo, ĉar tie — ridu, se vi emas — tie loĝis koboldoj kaj tie troviĝis nevidebla brutaro, kaj estis tie aliaj estaĵoj pli terurantaj ol koboldoj, ĉar tiuj ĉi kaŭzas domaĝon al neniu, se ne pro bonintenco. Tie nevideblaj estaĵoj bruis en la kuirdomo dum la noktoj, kaj tie ekvidiĝis strangaĵoj ĉe la domanguloj kaj en la arbetaĵo, kiam ŝi je la sunsubiro iradis nudpiede en la mallonga, velure mola herbo de la paŝtejo — al la bolkaldrono kun la selakta fromaĝo kaj reen. Poezio kaj mistiko venis akompane de la bovinoj en la vespero, kiam la suno lumis ruĝa inter la krepuskaj abioj kaj la aero estis flava. La turdo kantadis kaj la strigoj kriis 'ho!' Tio estis ŝia mondo. Iutage io okazis meze en la sunbrilo. Gunnel sidis dormante, kun la kapo sur sia brako. Subite ŝi ekvekiĝis, ĉar aro da koboldoj staris ĉirkaŭ ŝi postulante, ke ŝi edziniĝu. Juna viro apartenanta al la stranguloj de la arbaroj edziĝos je ŝi. Certe, ŝi estis ravita pro la aventuro. Oni ŝin vestis per edziniĝa vesto kun kobolda arĝento kaj strange modelita kobolda oro. Ringoj sur la manoj. Bukoj sur la brusto. Ĉirkaŭ la talio volvanta serpento. Gunnel sidis kvazaŭ en sonĝo. Ornami ili povis laŭplaĉe. La brutara hundo bojegis pro timo. La suno brilis kaj lumis. La gruoj kriis de super la lago, la arbaro bonodoris, la aero tremis. Estis gajbrilanta edziniĝa vetero. La neĝa supro de Jadmo brilis malproksime, blanka kiel printempa nubo... kaj nun okazis... ke li venis... la fremdulo...«

»Jes,« diris la profesoro malrapide kaj ne sentante, ke li parolas. »Jes, estis stranga vidaĵo, sed koboldojn aŭ ion tian mi ne vidis, kiam mi venis tra la paŝtejo al ŝia dometo, perdinte la vojon en la montegaro.«

»Nur homoj naskitaj dimanĉe povas vidi ion tian... Kaj kiam vi venis...?«

»Kiam mi venis, ŝi kuris renkonte al mi, tremanta kaj mirbela. Ŝi ne havis arĝenton kaj oron sur si, sed la larmoj pendis sur ŝiaj okulharoj kaj la suno loĝis en ŝia peza harligo. Mi tion neniam forgesos: ŝia rigardo estis mirige enpensa... trembrilanta kaj malseka... neniam dum mia tuta vivo mi vidis ion tiel kortuŝe belan. 'Vi estas mia savinto', ŝi diris kaj ridetis per sia lumplena vizaĝo... kaj nun okazis tio, kion... mi ne kredis ebla...«

»Mi scias, kion vi ne kredis ebla — mi scias, kio ĝi estis. Ŝi ĉirkaŭprenis vin kaj sin kaŝis... Vi ne sciis, ke tia aventuro influas homon tiom, ke li ne scias, kion li faras, kaj ke homoj alvenantaj fortimigas la strangajn estaĵojn. Tiam okazas ĉiam, ke la sorĉe ravita virino alkroĉiĝas al la venanto — duondorma, ĝoja, neniigita.«

»Jes«, diris la maljunulo. »Mi perdis la konscion kaj forgesis ĉion alian, kiam mi premis ŝian varman korpon al mia brusto...«

La junulo daŭrigis: »Ŝi estis la plej bela kreskaĵo en la lando. Kiu ne perdus la konscion en ŝia ĉirkaŭpreno...? Kaj tiamaniere okazis, ke ŝi...«

La profesoro ekĝemetis. »Tiuj tagoj forflugis por ĉiam — kaj ŝi neniam revenos. Mi vojaĝis tien ĉi norden por serĉi ŝin nun... kaj venas tro malfrue. Mi sekvos vin al viaj montegoj kaj izolaj vilaĝoj, kaj vi sekvu min reen. Vi estas ja mia filo kaj ŝia.«

»Ne, tion mi ne volas. Ŝia jardaŭra plorado ĉiam staros inter mi kaj vi. Mi neniam forgesos tiujn momentojn, kiam ŝi kredante, ke ŝi mortigis min, elkriis vian nomon en senespera doloro. Mi diris, ke mi forgesis la nomon... ne — neniu povas forgesi, kion li aŭdas en tiaj momentoj. Mi sciis la nomon de tiu, kiun mi malamis. Iru returne, ni disiĝu tie ĉi. Mi ne tial trabatalis mian vivon dum tiuj ĉi jaroj, por ke nun, kiam mi konas mian propran forton, mi iĝu la fileto de paĉjo. Mia vojo kondukas supren al la montegoj kaj al mia poezia verkado. Kion sentis Gunnel, senkviete eraranta tie hejme, pri tio mi volas verki. Mi havas fabelojn en la sango... mi estas ja

la filo de Gunnel. Bastardo oni nomas min — legitima infano, mi diras. Mi iras al la montegoj kaj al la okazaĵoj.«

Li metis sian betulŝelan tornistron sur la ŝultrojn kaj etendis sian manon al la maljunulo.

»Vi bezonas nenion klarigi. Mi ne deziras ekkoni ion. Mi estas kontenta, ke mi vidis vin... mi nun komprenas, ke Gunnel povis forgesi ĉion, kiam ŝi havis vin... Kaj nun adiaŭ. Vi aŭdos pri mi.«

Kiam li tie iris supren sur la vojo, ekscitita kaj kun tremantaj lipoj, bela kaj forta, li estis kvazaŭ juna vikingo.

La maljunulo okule sekvis lin kun la rigardo de almozulo.

El la sveda : *Einar Knutsson*

Pelle Molin (mortinta 1896) estas unu el la plej strangaj karakteroj en la sveda literaturo. La plej grandan parton de sia mallonga vivo li pasigis en la lando de la montegoj kaj arbaroj, de la neĝo kaj helaj noktoj, la norda parto de Skandinavujo, verkante kaj pentrante kaj vivante malnolan naturvivon. Lia stranga kaj solena sed samtempe pasia kaj forta animo sin sentis hejme en tiu majeste sovaĝa kaj grandioza nordlanda naturo kun ĝia mistiko kaj poezio kaj kun ĝiaj strangaj homoj, kun tiu naturo, kiun ni renkontas en la mirinda »Rakonto pri Gunnel«.

# REĜO RICHARD III.

## — DEZSŐ SZOMORY —

En Oxford mi ofte estis sola, fidela studento en la universitato, kien mi timeme entrudis min, kompatindan migranton, kiu mi estis. Iu maljuna sinjoro, kiu estis profesoro tie ĉi, kiel ekzemple Sir Walter Wyndham, — blankaj haroj kaj rozaj vangoj — tre afable kaj modeste, donis tiaspecajn literatur-historiajn koncertojn, ja kun malmulta voĉmaterialo kaj kun ĉiutaga virtuozeco, sed por sinjora popolo, kiel kutimis doktoro Emil Reich en Londono, *pour gens du monde*, sed ne kun tiu aŭdaco, spriteco kaj provoka originaleco, kiel kutimis doktoro Emil Reich en Londono, sed plie *insularity*-maniere, mallaŭte, singarde kaj senkolore. Kiuj aŭskultis, eĉ atentis, kion li diris pri Shakespeare kaj pri certaj Shakespeareaj herooj, tiuj plie enuis, mi pensas, delikataj kaj riĉegaj oxfordaj studentoj, diaj aristokrataj knaboj en Jersey kaj kun nudaj genuoj, ĉar ili rapidis en la printempo por remi sur la Tamizon. La Tamizo fluis malantaŭ la Christ Church-College kaj ĝia bordo estis plena de tristaj salikoj. Treege ĉarma, maljuna kaj tamen freŝa regiono, sinjora pejzaĝo kaj ĉio kaj kun tiel alloga efekto, ke, se iu hazarde aŭ pro boneduko laŭdis Sir Walteron, tiu tuj estis punata per kolera riproĉo : *Do you mean to say that such stuff is interesting* ?

*Such stuff* ! Kiu scias bone angle, kaj ja kiu ne scias bone angle, tuj eksentas, kia malŝato kaj malestimo sonoras en la muziko de tiuj ĉi du vortoj al Shakespeare kaj Sir Walter. Kvankam tiutempe ĝuste reĝon Richard III. li »tralumigis«, se mi licas tiel paroli, kaj detale sekcis la sange naivajn kaj naive sangajn implikaĵojn de tiu ĉi stranga dramo. Pro la estimo al la Yorka domo (oni ne kredus, kian estimon havas universitata profesoro al la regantaj dinastioj, eĉ se ili jam elmortis), do, pro la estimo al la Yorka domo kaj ni almetu, ke ankaŭ pro evidenta politika oportuneco, antaŭ ĉio fiksis Sir Walter, kaj li fiksis kun la precizeco de l' insul-loĝanto, kion mi tie ĉi ne scias redoni, ke reĝo Richard III., kiel historia figuro, tute ne estas identa kun la Shakespearea heroo. Ĉikoncerne li citis interalie la testamenton de la maljuna grafino Desmond, kie estas notite, ke duko Gloster estis tre neta viro, ĝuste tiel ĉarma kaj aminda estaĵo, kiel lia frato, Edward IV., kio, ni konfesu, estas neniom interesa. Sed tio jam estas interesa, eĉ amuza, ke *»old countess of Desmond«* diras Richardon la plej eminenta dancanto de la mondo, kvankam li, laŭ la ĝenerala scio, ĝuas la famon de certa tradicia lameco. La grafino mem ofte dancis kun li kaj certe tre plezure, se eĉ en tia malgaja horo, kia la skribo de testamento, ŝi ne forgesis pri tiuj vervaj ensembloj.

Kiun oni kredu ? Se mi bone memoras, ankaŭ Sir Walter asertis Glosteron prefere simpatie aspekta homo, kaj el liaj sennombraj murdoj, kontraŭ la aserto de Shakespeare, li koncedis eble nur la junan dukon Edward, la filon de reĝo Henrik VI. Tiun ĉi jes, tiun ĉi li mortpikis ĉe Tewksbury, sed Henrikon VI. kaj sian fraton Clarence, Rivers-on, Grey-on, Vaughan-on kaj la ceterajn, per kiuj Shakespeare facilmove lin ŝarĝas, ne vere ke li murdis.

Sed do kial li ne estus ilin murdinta, se mi licas demandi ? York kaj Lancaster ekstermis unu la alian kun tia grandanimeco, kun tiel luda kaj virtuoza maniero de la principoplena murdo, ke unu estingita homvivo ne valoras pli ol estingita kandelflamo. Poste, la neklarigebla malapero de aro da viroj kaj virinoj apud Richard, ni konfesu, estas minimume suspektinda. La *»Historic Doubts«* de Horace Walpole ankaŭ ne tre prezentas evidentajn pruvojn por tio, ke ekzemple la gefiloj de Edward IV. mortis per natura morto. Mi jam ne multe memoras la ceterajn aŭtoritatojn, kiuj studis reĝon Richard III. el la vidpunkto de la historia vero, kaj mi eĉ ne deziras tie ĉi afekti la historian ekipaĵon, ĉar nomon de aŭtoroj kaj librotitolojn ĉiu scias memorteni. Cetere, mi decidis ankoraŭ en Oxford, ke rilate al Shakespeare kaj liaj herooj mi ignoros Coleridge, kiu rekonis en Richard la brilan inteligenton, la kompatinda ! kaj Schlegel, kiu festas en tiu ĉi eminenta dancanto de la Yorka domo aplomban virinkonanton.

Apartiĝinte kaj profundiĝinte en mi, mi devis rekoni, ke reĝon Richard III. la scenejo tute denaturigis kaj la eminentaj aktoroj, kiuj lin ludis ĝis nun, fidele al la Shakespeareaj folioj, plenmetis lin malavare kaj ame kun la pitoreskaj floroj de sia imago. Estas tute indiferente, kio estas historio kaj kio ne, ĉar validas nur la metamorfozoj kaj efikoj, nur tio validas, kio atingas nin. Tute sendepende de la ĝusta kaj vera ekkono de la eventoj, la esenco por ni estas, kian rezulton kaj finevoluon ili prezentas. — Sed la aktora ambicio, laboremo, cerbumo, studo, sprito kaj ceteraj similaĵoj, kreis ian heroan sovaĝbeston el tiu ĉi homa skorio, kiu dum du jaroj uzurpis la anglan kronon kaj fine falis ĉe Bosworth en Leicestershir. Kio tragika estas tie ĉi, bonvolu ja pripensi, ne estas ja lia tragedio, sed ties, kiuj vivis ĉirkaŭ li kaj kiuj certe eĉ kredis je li kaj kiujn — *enter Murderers* — li buĉigis amase. Li mem simple falas en la batalo, kiel mi, kiel vi, kiel ĉiu ajn. Tio ĉi sendube estus okazinta al li sen tiuj ĉi sangaj antaŭaĵoj, sen lia stulta kaj senbrida ambicio, por akiri la anglan tronon. Lia falo, lia tragedio ne estas tio, ke la kronon por teruraj prezoj li metis sur sian stultan kapon. Ne pro tio li pereis, ke per la aranĝo de tro dekduo da murdoj li volis esti angla reĝo, eĉ ne en la sango li sufokiĝis, kaj ne liaj inkubaj vizioj, teruraj sonĝoj lin murdis, kiam laŭvice ili aperis antaŭ li kun

la monotona akuz-kanto de la tristaj baritonoj kaj infansopranoj, kiujn parte li persone murdis, aŭ murdigis per la *murderer-oj*. Sed li mortas tie, kie en virtoj li brilis, kie li estis heroo, lojalulo kaj soldato. Unuvorte tie, kie li malpleje elmeritis.

Sed oni klarigis al mi ankaŭ, ke la morto de Richard, sur la boswortha batalkampo, estas jam la sekvo de tiu anima ruiniĝo, kiun faras la konsciencriproĉo kaj la sanga memoro de l' pasintoj. Tial li estas tiom brila kaj aŭdaca soldato, ĉar la kronon akiritan per sangaj abomenajoj, li volas savi por si malesperiĝinte ĝis heroeco. Do li fariĝos heroo post tio, ke antaŭe li malbrave ekstermis ĉiun ĉirkaŭ si. Tio estas almenaŭ logika.

Cetere, mi konfesas, Richard III., kiel milita genio, ne tre interesas min. Tre verŝajne, ke ankaŭ li, kiel ĉiu stulta homo en la mezepoko, estis eminenta soldato. Sed siavice lia cerba malriĉeco kaj lia spirita malforteco, *in extenso*, estas unu el la plej allogaj kaj ĉarmaj aferoj kaj pli multe eĉ ol kion ni povas renkonti ĉe Shakespearea karaktero. Mi tre bone vidas lin, kiam laŭ la infanfabeloj kaj laŭdire aŭtentikaj priskriboj pri la boswortha batalo li rampas kun la ronda kapo en kasko kaj en plena kiraso sur la blankan *Surrey*, kaj laŭ la notoj de *Parr* kaj laŭ la bataldetegnoj de *Hall* (se mi bone scias, ankaŭ Shakespeare formis el ili sian militan vizion) kiel »malsata leono«, li kuregas antaŭen en la morton. Mi tre bone vidas lin, kiam duonsvene kaj freneziĝinte en la batala svingo, masive kaj klakante sur la dorso de la ĉevalo kie li serĉas Richmondon en tia haoso kaj en tia tumulto, kie estas vere senespere iun trovi kaj kie pli saĝa stratego estus eble iom pli konscia. Kaj ankaŭ tion mi bone vidas, kiam li kontraŭiras ĉiun homon, kiu similas al Richmond kaj eĉ Sir William Brandon li mortpikas, bagatelo! la ducentfuntan standardportanton de Richmond, nur ĝuste Richmondon ne kaj efektive li jam mortigas kvin pseŭdo-Richmondojn, nur ĝuste la veran ne!

Sed tie ĉi mi ankoraŭ povus lin ekskuzi, parte pro simpatio sentita al li dum tiuj ĉi pezaj minutoj, parte, ĉar antaŭ kelkaj jaroj ankaŭ mi estis en Leicestershire, kie ĉio estas tre trista kaj fine parte, ĉar en la problemoj de la ĉeval-atako kaj batalluktoj ne ĉiam la menso decidas kaj kiel ĉiu homa ludo kaj risko, ankaŭ ĉi tio estas en la mano de la bona Dio.

Kvankam parolante pri providenco, sorta astro, aŭ ordinare pri feliĉo: la longa kaj brila serio de sangaj sukcesoj, la facilsukcesaj brutalaj rimedoj, la senkontrola prospero, la tuta trono, la tuta granda Anglio akirita preskaŭ sen luktoj, — ĉio ĉi kvazaŭ per si mem donas la kriterion de tiu ĉi grava spirita malsupereco. Nur stulta homo povas havi tiel senliman feliĉon, ke inter aro da puphomoj, sabrante dekstren-maldekstren, pli facile li atingas la tronon de Anglio, ol alia homo seĝon en la Pariza granda operdomo.

Foje, en mia anĝela naiveco, la jenan longan titolon mi kopiis en London de tre malnova kaj tre flava Shakespeare-eldonaĵo, eĉ ekzaltante tiam ankoraŭ, ke mi vidas tiaĵon: »The Tragedy *of King Richard the Third,* containing his treacherous plots against his brother Clarence, the pitiful murther of his innocent nephewes; his tyrannical usurpation, with the whole course of his detested life and most deserved death.«

Hodiaŭ mi devas kontentiĝi per tiu ĉi: »*King Richard the Third. — the stupid man.*«

Ĉar kontraŭ tiuj Shakespeare-saĝuloj kaj anglaj hipokrituloj, kiuj en la problemo de Richard III. riproĉis ĝuste tion, ke lia kruda kaj plorinda moraleco estas tute subordita al liaj brilaj mensaj kapabloj, bedaŭrinde mi devas konstati, ke el morala vidpunkto tiu ĉi York estas tute neriproĉebla, li estas plene harmonia kun sia epoko, kun ties stilo kaj etika primitiveco, kiu facile kaj gracie solvis la plej pezajn demandojn aŭ per tio, ke li mem prenis ian pintan ponardon, aŭ per la jena, ĉarma kaj preskaŭ profesia instrukcio: »*enter Murderers.*« Kion prezentis la York-domaj murdistoj, tion faris ankaŭ la Lancasteranoj, eĉ ofte ankoraŭ pli bone kaj pli kruele: La tuta familio de Richard III. estas aristokrata bandit-federacio. Ĉiujn liajn fratojn ŝarĝas tre bongustaj murdadoj kaj inter ili precipe la sonĝema kaj elokventa Clarence estis tre eminenta murdisto. El la virinaj membroj de ĉi tiu terura familio ekzemple reĝino Margareta tiel gracie mortpikis malamikan, aŭ eble nur ĝenantan homon, kiel ia revema pra-angla fraŭlineto fingrosonigis malnovan skotan kanton sur la harpo.

Do reĝo Richard III., kiel bonmorala homo, ni diru, kiel ĝentilhomo, estas tute senriproĉa. Akomodiĝante al la kutimo de sia tempo, al la tradicioj York-Lancasteraj, same li mortigis kaj murdis, kiel alia homo sin razas. Nur la malsaĝa komentario kaj doktoro senhorizonteco pesadas tiujn ĉi forajn kulpojn per la harfendaj mezuroj de la hodiaŭa moraleco. La moralo estas nek afero de homo, nek demando de karaktero, la moralo estas, ni diru, la modo de l' historio. Sed la menso kaj intelekto ne. Ili estas homa propraĵo, intima afero, — *privat* — kiel la angloj diras. Kaj ĉe tiu ĉi punkto, ni vere havas ion por paroli pri reĝo Richard III.

Returne de Market Bosworth, kaj sekvante ĉi tiun reganton en liaj privata vivo, politiko, sekretaj kaj senkaŝaj celoj, en lia tuta sanga ĉirkaŭfrapado, paŝon post paŝo konsternite ni spertas la plorindan malaltecon de liaj mensaj kapabloj. Jen, stulta homo, el la speco de la kvalifitaj stultuloj, danĝeraj stultuloj. La terura kaj neekstermebla spiroĥeto de la malproksima origino, Plantageneta misheredo, feŭdala prastupideco, kaŝ'ĝinte kaj intermitinte dum centjaroj, ĉi tie, subite kun kriza karakterizeco invadas la cerbon de Richard III., kun la tuta malavara pompo de sia malutila veneno. Denaske kaj atavisme li estas stulta, —

»Tetchy and wayward was his infancy;
His school days frightful, desperate, wild and furious;«

diras pri li Shakespeare, — lia mensa difekto dum la paso de l' tempo atingis pli kaj pli malaltan nivelon kaj fine definitive li malsaĝiĝis dum la komunikado kun la homoj. Ĉi tion tiel oni komprenu, ke, ĉar li havis neniajn luktojn, ĉar sukceso kronis eĉ liajn plej primitivajn rimedojn, neniam li devis pli serioze mediti. Kiuj estas ĉirkaŭ li viroj, virinoj, infanoj, la granda *Hastings*, la nana *Buckingham, Dorset, Bouchier, Grey, Oxford, Catesby* kaj ĉiuj ceteraj estas malfortaj, forviŝiĝantaj, pli ombroj ol homoj. Nenie punkto, loko, malhelpo, malfacilo, kie lia meza intelekto povus pli evolui. Sed eĉ, la menspreteco, juĝkapablo, percepteblo kaj aliaj tiaj spiritaj propraĵoj rapidege degeneras en li, kiam la facilaj sukcesoj unu post la alia pravigas liajn simplegajn kaj vulgarajn rimedojn, bagatelemajn artifikojn, naivan hipokritecon kaj ĉirkaŭfermante kaj barikadante lian menson, lia menso! per la supergrasiĝo de memplaĉo kaj memfido, ĝin simple degradas en ordinaran idiotecon.

Kvankam tiu ĉi homo, kiu belan printempan vesperon simple eniras la ĉelon de Henrik VI. kaj plej bonguste dorspikante ĉi tiun kompatindulon kaj plezurante pri la Lancastera sango gutanta de sia glavo, monologas sian inferan malicon kaj fine ekkrias: »*I am myself alone*«, — ni konfesu, belege ekiras. Li ekiras, kiel la plej bela kariero, genio de malbono, artisto! Ankoraŭ foje li ekpikas la reĝon, ĉar li ne estas pezmaniera, — *stabs him again* — kaj deklaras: »*I, that have neither pity, love, nor fear.*« Jen io rava. Jen la plej rara materio, la plej delikata fenomeno, filozofo-murdisto, profundsenta homo, kiu nenion sentas krom si mem, el la tuta mondo nur tiom, ke li devas ekzisti.

Sed poste, tuj, la festan matenkrepuskon, la animskuan programon sekvas la ennubiĝo kaj konfuziĝo de la trista kaj minimala menso. Richard havas nenian sentemon. Ne eĉ bestan sentemon. El la vidpunkto de la tielnomata ofendiĝemo, li estas absoluta nulo. Plene nekulturita animo. El siaj plezuroj, celoj, el sia tuta granda

apetito al la trono kaj krono, li ne sentas eĉ guton da brilo, maldikan radion da sunbrilo, kiu povas filtriĝi al li, tra la fenestro de Westminster, dum li surmetas la ermen-talaron. Fantazion li ne havas. Ankaŭ planon li ne havas, kiel estonta reganto. Da rafiniteco, arta frandemo, diletanteco, kiuj ĉirkaŭŝvebus, kolorus kaj elĝuus la tagiĝantan reĝan majeston, — neniom. Entute ian krudan kontentiĝon, ian dikan ŝtopon en la stomako li povas senti, kiel la tigro glutinta viandblokon. En sia frenezo por trono kaj krono li nenion prezentas krom la ebrieto de stulta homo antaŭ fenestro de juvelvendejo. Kion li volas, kiel fincelon, tion li eĉ ne komprenas. Li scias nur, kion senpere li devas fari. En sia tronatingo li vidas nur tie obstaklojn, kie ĉi tiuj, propre iluziaj obstakloj, estas vivantaj ekzistaĵoj. Jen la klarvido de la primitiva menso. Jen la spekulacia disponado de la stulta homo. Jen laŭvorte la sama: kiam nuntempe iu ekstermas amason da homoj ĉirkaŭ si por akiri la tutan heredaĵon. Jen la obskura konscio kaj brilega jesado de la spirita difekto en la vol-ne-vola kaj senfrukta ago.

Ĉar la ponardo bonege taŭgis en la skapolo de Henrik VI. (kaj tiam li finis jam ankaŭ pri la filo de ĉi tiu Lancaster, la juna Edward), li konas sole tiun ĉi metodon kaj eĉ momente li ne deflankiĝas de ĝi. Kiam Buckingham simple aludas pri la eventuala antipatio de lordo Hastings kontraŭ la rajt-uzurpaj tendencoj, Richard tuj estas preta pri la respondo: »ni dehakigos lian kapon.« Kaj tiel daŭras plu, ĝisfine. La solvon de l' situacioj, la solvon de ĉiu problemo li vidas en la estingo de homaj vivoj, — kiel la plej primitiva pensmaniero. Siajn altajn politikajn projektojn li plektadas ĉiam sur la stratoj. Kie li nur aperas, estas la *street* kaj se ree ni renkontas lin, jen denove: *an other street.* Ankaŭ lordon Hastings li renkontas sur la strato kaj demandas lin, ĝuste kiam tiu ĉi simpatia viro venas el la karcero: »Kio nova en la granda mondo?« Tio ĉi estas animspionado, diras la Richard-klarigantoj. Sed eble ankaŭ al Hastings estos rimarkinda tiu ĉi malkonvena demando kaj certe li ne respondos ĝin.

Poste li renkontas lady Anna, kiu en ĝisplanda funebro kaj malespere iras post la kadavro de sia bopatro, Henrik VI. Tiu ĉi sceno estas tre fama. Lady Anna kraĉas sur Richardon (laŭ la instrukcio de la *folio: she spits at him)* — la vidvino de la walesa princo Edward! La tono de ilia babilado ankaŭ cetere ne estas tro monduma. »Por vi ne estas alia savo, ol pendigi vin« diras lady Anna. Je kio Richard respondas, ke tia malespera ago jam estus preskaŭ memakuzo, — kvankam post du minutoj li ekkrias: »Diru, ke mi mortigu min, kaj mi faros tion.« Vere, ke antaŭe li ankoraŭ etendis sian glavon, por ke tiu ĉi kolera virino kore piku lin. Ankaŭ ĉi tio estas la ama argumento de la stulta homo. Ĉar, ĉu ne, se Anna, kian bonan humoron ŝi havas en tiu ĉi momento, vere volus korpiki lin, Richard tuj forsaltus aŭ kaptus la glavon kaj per tio li definitive perfidus sin. Kion tie ĉi li riskas, tio estas la *va banque* de la stulta homo, la ekstrema primitiveco.

Poste, trans tiu ĉi minuto gradon post grado li malklariĝas, ĝis la fina obskuro. El la malhela sonoro de la *I am myself alone* restas nenio. Jam eĉ ne persone li murdas, sed sur la *Crosby-place,* en la reĝa palaco li akceptas la murdistojn, kie en ĉiu momento oni povas lin surprizi, kiam li ordonas, buĉi sian fraton, Clarence, kaj poste la du dukajn infanojn. Liaj homkono kaj juĝkapablo vidas perfidulon en ĉiu, nur en tiu lordo Stanley ne, kiu estas ĉirkaŭ li la sola perfidulo kaj kiun, se li havus iom da menso, li ja povus suspekti ankaŭ pro lia parenceco al Richmond. Post la ekzekuto de lordo Hastings li volas vidi la dehakitan kapon, por ke li povu trankviliĝi kaj tagmanĝi. Dum la mortigon de la dukoj de Wales kaj York, kvankam ĉi tio estis eble la plej grava, li akceptas sen ia ajn pruvo de la lipoj de obskura nobelo, kiu eventuale eĉ povas lin trompi. »Kien oni ilin enterigis?« — li demandas. »Mi ne scias«, — respondas la murdisto. Richard estas kontenta eĉ pri tio, kaj ĉu estas io pli stulta en la mondo, ol kiam li stariĝas kaj deklaras:

»*The sons of Edward sleep in Abraham's bosom.*«

Kelkajn malpli gravajn kaj ankoraŭ pli delikatajn detalojn ni devus ankoraŭ mencii, por montri kontraŭ la tuta oxforda universitato, kvazaŭ ĉeleton post ĉeleto, la mizeran perpleksecon de ĉi tiu malsaĝa menso. Ni devus signi interalie la grandan scenon de Richard III. kun la patrino de la du murditaj dukoj, reĝino Elizabeta, sed tie ĉi li jam estas tiom kompromite kaj tiom abomene stulta, kiam li volas ripeti kun tiu ĉi frakasita, malesperiĝinta, veanta *mater dolorosa* sian metodon uzitan kun lady Anna, ke la Shakespeare-esplorantoj simple neas tiun ĉi scenon kaj deklaras ĝin apokrifa, kvankam ĝin enhavas ĉiuj eldonaĵoj, eĉ la plej malnovaj.

## Kremkaful'.

**Raymond Schwartz**
*Paris*

**Ekzistas homoj, kiuj povas sidi tutajn horojn en kafejo trinkante nur kafon.**

*Vivanta vaz' de nostalgi'*
*Kaj sklav' de l'etimologi',*
*Vi en kafejo mendas... kafon;*
*Vin hezitigas nur dilem':*
*»Ĉu kremokaf? — Ĉu kafokrem'?«*
*Prefere mendu vinkarafon,*
*Kremkaful'!*

*Vi, kremvizaĝ', kafkarakter',*
*Pri ĉio grumblas: Pri l'veter',*
*Pri politik' kaj mia pipo,*
*Vi grumblas eĉ, ĉar hundo ur...*
*... inetis kontraŭ tablokrur',*
*Aŭ grumblas simple pro principo,*
*Kremkaful'!*

*Neniam suka farspetol'*
*Nek spontanea farandol'*
*En siaj sulkoj vin kuntrenas;*
*Per pruda »sed!« — per ruza »se...«*
*Vi kaŝas vin de ŝercide',*
*Ĉar... »tio dece ne konvenas!«*
*Kremkaful'!*

*Vi tiel do en trinkbutik'*
*La rolon ludas kun cinik'*
*De farizeo en la templo,*
*Kaj des pli mi malamas vin,*
*Ke pala abstinad-doktrin'*
*Al mi proponas vin ekzemplo!*
*Kremkaful'!*

*En oficej' aŭ en salon'*
*Vi eble estas ĉefperson'*
*Kaj mi respekte vin salutas,*
*Sed en trinkej', kafarda gast',*
*Vi kreas ĝenon de kontrast'*
*Kaj lastinstance mi atutas:*
*Kremkaful!*

Sed ni iru kaj vizitu denove al Bosworth, nun jam ne al la heroa soldato, sed al la stulta homo.

En tiu ĉi arda tumulto, se mi bone memoras, oni pafis tri ĉevalojn el sub li kaj pli da ĉevaloj li ne havas, — angla reĝo, militestro! Lia strategia antaŭvido, — kaj tio jam estas denove demando de inteligento, — ne atingas eĉ tiun mezan nivelon, ke li havu rezerve tiom da ĉevaloj, kiom havas mezkvalita stalposedanto.

Tiam li trakuras la kampon kaj plenkrias la ĉielon:

— Ĉevalon! Ĉevalon! Reĝlandon mian por ĉevalo!

En la angla originalo: »*My kingdom for a horse!*« Lia menso definitive stultiĝinta kaj tromemfida pro la facilaj sukcesoj ĉu vere imagas, ke troviĝas homo inter la miloj da batalantoj, kiu kredas lin? Al Buckingham li dehakigis la kapon pro la reklamacio de kelk-mil hektaroj da tero. Kaj kion do li farus al tiu homo, kiu por unu ĉevalo por li akirita petus Anglujon!? Se li almenaŭ dirus: reĝlandon por ĉevalo, eble li dirus ion saĝan, ĉar se li venkos Richmondon, li vere havos kelke da novaj regnoj, eventuale donaceblaj. Sed li diris: *My kingdom!* kaj per tio li povas aludi nur Anglujon.

Anglujon! Tiu ĉi Richard, *Duke of Gloster*, murdis la walesan dukon Edward, lian patron reĝon Henrik III., murdigis sian fraton Clarence, sian edzinon lady Anna, la du senkulpajn filojn de Edward IV., la dukojn de Wales kaj York kaj kiujn ankoraŭ, granda Dio! Li murdigis Earl of Rivers, lordon Grey, Sir Thomas Vaughan, lordon Hastings, lordon Buckingham kaj iun mi eble forgesas. Unuvorte li ekstermis sian familion, li buĉis ĉiujn por tiu angla reĝeco, kiun li nun donus interŝanĝe por mizera ĉevalaĉo! Ĉu do havis menson tiu ĉi homo, se mi licas demandi?!

Tiu kara, malproksima Sir Walter sur la oxforda katedro, — blankaj haroj kaj rozaj vangoj — kiom multfoje klarigadis al ni ĉi tiun *My kingdom for a horse!* Iu klinis sin tiam al mia orelo, mia fidela kunulo en la benko, belega angla knabo:

— La kerno de la tuta problemo estas tio, — li flustris — ke Richard estis pasia ĉevalamanto.

El la hungara: *Karlo Bodó.*

# TROMPITA

## — ŜALOM AŜ —



La knabinoj jam sidigis la fianĉinon al la »vualceremonio«,[1]) la muzikistoj kun la iloj staras ĉirkaŭe, la violonoj agorditaj en la manoj, kaj de temp' al tempo muzikisto per la fingroj ekbrusonigas kordon de violono. La kontrabaso ĝemeĥas kaj Jenkel Klarnet blovas pro malpacienco sur la trumpeto. Sur seĝo staras la Badĥan,[2]) du fingroj etenditaj, pretaj al la muziktakto kaj per la ceteraj fingroj li tiretas la barbon kun tia obstineco, kvazaŭ li volus la tutan koleron eligi al la barbeto.

Kaj la fianĉo kun la vualtuko ankoraŭ ne montriĝas.

Laŭ la koleraj mienoj de la »Meĥiteneste« (bopatrino) estas rimarkeble, ke agiĝas io pri la fianĉo. Sed oni nenion certan scias. La knabinoj kompatas la fianĉinon, kiu hontas atendante, kaj faras ĉion ebla por forpeli la malgajan humoron. Ili ridas. Gojas, petas la muzikistojn ekludi... Sed la muzikistoj estas plenzorgaj, ke pro ĉi-ĉio ili ne malgajnu — se la geedziĝfesto eksiĝos — kaj forpelas de si la fraŭlinojn kun la arĉoj:

For, for — poste vi dancos.

Hontigita la vizaĝo kaj la okuloj kovritaj per ambaŭ manoj, sidas la fianĉino kaj ploras mallaŭte. Ĉe ŝi staras ŝia patrino, kisas ŝin kaj konsolas.

— Dio vin rekompencos por la honto, kiun vi suferas, mia infano — Dio vin rekompencos.

Kaj en apuda ĉambro estis ambaŭ Meĥitonim (bopatroj). Unu Meĥiton, Ojzerl, la patro de la fianĉo, estis malaltkreska judo, sidis kun kuntiritaj lipoj, la malgranda knabeca kapo apogita sur unu mano kaj per la dua li malrapide karesis la mallongan barbeton. Kaj li silentis kiel ŝtono. La dua Meĥitoh, la patro de la fianĉino, alta, forta judo kun granda vizaĝo kaj granda longa barbo, flavhara, staras antaŭ li kaj petas:

— Ojzer, ne hontigu min antaŭ homoj — ok tagojn post la geedziĝfesto postkiam mi estos vendinta la tritikon, mi al vi donos la cent rublojn. Prenu la kambion, mi vin petas, prenu la kambion — kaj volis ennanigi al li kambion.

La judeto eĉ ne moviĝis de l'loko. Li per la mano eĉ unu plirapidan movon ne faris, la barbon karesante. Li ne levis la okulojn, nek la kapon ekskuis. Sed sidis kiel antaŭe kaj silentis.

De tempo al tempo Meĥiteneste enŝovis la kapon en la pordon kaj enparolis:

— Meĥitonim, memoru, ke la gefianĉoj ja fastas tutan longan somertagon.

— Meĥitonim, la gastoj disiras, honto antaŭ homoj.

— Kion mi faru? Li sidas kiel rabisto — montris la patro de la fianĉino sur la Meĥiton Ojzer. — Ĉu vi scias kion, ni demandu la fianĉon. Se li nepre volos, ke mi nun antaŭ la »Ĥupo«[3]) vestu la kapoton kaj prenu la bastonon kaj iru pruntehaviĝi al mi la cent rublojn al la doto, nun antaŭ la »Ĥupo«, kiam mia infano sidas atendante la vualon, mi iros, mi iros — diris la Meĥiton plu ne regante la paciencon.

— La fianĉo faros, kion mi ordonos — respondis trankvile kaj mallonge la malaltkreska judeto.

— Ne, mi volas tion aŭdi de lia buŝo, mi volas, ke li al mi diru, ke li ne plifrue iros vuali la fianĉinon ĝis la cent rubloj al la doto estos en monbanknotoj — obstinis la Meĥiton.

— Se vi nepre volos, vi aŭdos ĝin, diris la judeto ree malrapide, leviĝante, alpaŝante al la pordo kaj vokante:

— David, David, envenu.

La fianĉo sidis ĉirkaŭita de Bĥurim (junuloj ortodoksaj) kaj diris Toron.[4]) Sed ne pri la Toro li pensis. Li komprenis, ke io okazis kaj povas esti, ke la geedziĝofesto nuliĝos. Li ne opinius ĝin granda malfeliĉo, ĉar, se la patro malkonsentas la geedziĝon antaŭ la Ĥupo, li sendube scias kion li faras, kaj pensas pri lia bono. La fianĉinon li ankoraŭ ne konis. Vidis ŝin kelkajn fojojn ĉe la gefianciĝo-soleno, kiam li la Tnoim[5]) subskribis kaj deziris al ŝi »bonan feliĉon.« Certe bedaŭras li, ke ŝi hontiĝas kaj kompatas ŝin, sed la patro bone scias kion li faras, kaj ia senco estas ĉe ĝi...

Malagrable estis nur al li, ke la tago ne volis

finiĝi. Li provis ree diri Toron kaj ĵetis kaŝitajn rigardojn en la duan ĉambron, kie sidis la fianĉino. Li vidis nenion, krom blanka vesto. Kaj la blanka vesto de la fianĉino tuŝis lin agrable. Ja lia destinitino. Sed li ankoraŭ ne havis profundan senton por la blanka vesto...

Kiam la patro lin vokis, li sciis, ke pri la edziĝo temas kaj li ĝin decidi devos. Ekfrapetis lia koro.

David, ĉu vi volas edziĝi ricevinte nur tri cent rublojn da doto? — demandis lin la patro.

— Kaj tricent rubloj, kvarcent, jen estas la kambio — puŝis la Meĥiton la kambion en la manon de la fianĉo.

— Kambiaĉo, kambio estas nenio. Estas tri cent rubloj da doto, David, kaj se vi volas mi konsentas.

La sango alfluis en la vizaĝon de David. En la tricent rubloj li vidis malestimon por si. Ordinarulo prenas kvar, kvincent rublojn, kaj li, kiu estas konata kiel sperta Talmudisto kaj fieras pro sia »bona kapo«, ricevu nur tricent rublojn dote. Kiomfoje oni lin svatis al fraŭlinoj kaj li ĉiam malkonsentis, ĉar estis nur tricent rubloj. Kaj nun li edziĝu ricevinte tricent rublojn. Ho, kiel lin primokos la kunuloj en la Bet-Hamidraŝ.[6]) Tricentrubla fianĉo oni lin nomos. Li pretis ĉimomente de si la kapoton deĵeti kaj tuj kun la patro foriri. Sed li moderigis sin — ĉar en la dua ĉambro estis la amikoj kaj gastoj — li krispis kolere la vangharojn kaj diris:

— La patro scias plibone kio estas farenda por mi, mi tute konfidas la patron.

Kaj helpis nenio. La Meĥiton devis la kapoton vesti, la bastonon en la manon preni kaj iri prunte-havigi al si la cent rublojn al la doto, kaj la fianĉino tiom longe estis atendanta kun siaj distaŭzitaj haroj je la vualceremonio, ĝis kiam la cent rubloj kolektitaj en arĝent-kaj kupromoneroj ĉe la familio de la fianĉino estis ligitaj en tuketo en la manoj de la malaltkreska judeto, la silentanta rabisto.

— David, iru vuali la fianĉinon — diris la patro de la fianĉo enveninte kun la tuko da mono en la mano . . .

— — — — — — — — — — —

Nokte, kiam David restis sola kun sia fianĉino, ŝi eksvenis. Kiam David ŝin per akvo rekonsciigis, malfermis ŝi siajn okulojn kaj rigardis Davidon fremde kaj timigite. Kaj poste estis kvazaŭ ŝi lin pri io petus per sia rigardado. David ne komprenis kio okazis al ŝi kaj ŝin demandis:

— Kio estas al vi Deborele?

Anstataŭ respondi ŝi prenis lian manon kaj almetis ĝin al sia koro.

David sentis kiel ŝia koro frapas sub lia mano, simile al marteleto. Li ektimis. Kun teruro li ŝin demandis:

— Ĉu vi estas malsana, Debore? Kio estas al vi?

Debore silentis. Ŝi lin nur rigardis per siaj grandaj okuloj. En la malluma nokto li vidis, kiel ŝia pupilo brilas kaj petas ion. Ŝi ree prenis lian manon kaj almetis al sia koro, kaj flustris mallaŭte:

— Mi estas malsana, David.

— Kio estas al vi? — li demandis timigite.

Ŝiaj okuloj nun ankoraŭ pli brilis kaj plifirme petis:

— Mi suferadas je kormalsano.

— Je kormalsano? — ektremis la fianĉo kaj liaj nudaj manoj komencis skuiĝi kaj li forŝoviĝis de ŝi.

— Kial oni al mi nenion diris pri tio? — demandis kolereme David.

— La patro timis, ke vi ne volos edziĝi al mi.

— Fianĉino kun kormalsano — murmuris David por si.

Li silentis minuton. Li ne sciis kion entrepreni. Vesti sin kaj eliri estis ankoraŭ nokto. Li do sidiĝis sur la randon de la lito.

— Trompita — li murmuris por si.

— Mi estas senkulpa. La patro ordonis al mi silenti. Nun vi jam estas mia edzo — vi do ĝin devas scii — kaj tial mi diras al vi.

David silentis. Li rigardis sur fenestron kaj serĉis matenradion. Li pensis: morgaŭ li hejmveturos kun la patro. Fianĉino suferanta je kormalsano. Li ne kulpas, oni lin trompis. Sed la rabeno eksedzigos lin. Turmentis lin, ke la nokto daŭradas tiom longe kaj jen li troviĝas kun fremdulino en unu ĉambro, kun fremdulino kiun li morgaŭ ne plu vidos, eble jam neniam.

Kaj jen li eksentis, ke io varma ŝoviĝas al li, kuntiriĝas kaj tuŝas lin. Li volis forpuŝi — sed agrablis al li ŝia tuŝado, kaj li plue sidis.

— David, ĉu vi min koleras? — ŝi demandis lin.

Li al ŝi nenion respondis, sed pensis, kion ŝi kulpas, ke Dio punis ŝin.

Kaj li ekkompatis:

— Ĉu ankoraŭ doloras al vi la koro? — li demandis ne rigardante en ŝian vizaĝon.

— Iomete — ŝi respondis mallaŭte.



Pál C. Molnár: *Lignogravuraĵo*

— Kaj kion oni devas fari, kiam la koro doloras?
— Oni almetas malsekan malvarman tukon.
— Ĉu vi volas tian tukon? — li ree demandis ne rigardante malantaŭ sin.
— Jes, tie staras plado kun akvo kaj tuko.
David palpe atingis la pladon, malsekigis la tukon kaj transdonis al ŝi.
— Almetu ĝin, David, — ŝi diris.
— Kien?
— Ĉi-tien, sur la koron.
David almetis la tukon sur la koron kaj lia mano malgraŭvole ektuŝis ŝian nudan varman bruston, kaj sento lin ree ĉirkaŭprenis al ŝi.
— Ĉu la kormalsano estas nekuracebla? Oni ja povas veturi al spertaj kuracistoj — li laŭte diris, kvazaŭ al si mem.
— Jam estis mi ĉe kuracistoj — famaj profesoroj — ne scias konsilon.
David sidis kaj silentis. Antaŭ la okuloj prezentiĝis lia estonta vivo kun malsana edzino. La tutan vivon ligita al edzino malsana, ĉiam malsanadanta, sabate kaj dum festotagoj, ĉiam malgaja, kaj eble ĝi domaĝos al la idoj ankaŭ kaj la infanoj estos malsanaj, aŭ ŝi tute ne naskos infanojn, sed li vivos sola, sola kun malsana edzino — ekstere lumos la suno, estos festotago, homoj ĝojos, kantos, virinoj promenados preter la preĝejo kaj lia edzino kuŝos en la lito malsana.
Li nun ne plu pensis pri eksedziĝo — li jam vidis sin ligita al malsana edzino, kaj li kompatis ŝin. Jen jus estis fraŭlo, feliĉa, revis pri luma estonto kaj nun tiel malĝoja. Kial li meritas tion. Kian malbonon li faris?
Li kulpigis jam neniun, nur sian sorton, la edzinon li kompatis. Kion ŝi kulpas? li nur volis savi sin, trovi radion de espero. Li diris:
— La kuracistoj scias nenion. Se Di volos, vi ankoraŭ povas tute resaniĝi.
— La kuracistoj diris, ke se mi havos bonan edzon, kiu amos kaj estos bona al mi, mi reakiros sanan koron.
Li sidis kaj silentis. La vortoj, kiujn ŝi elparolis, tranĉis ameme lian koron. En ŝia voĉtono estis tia moleco, tia silento, ke li ne povis resti indiferenta. Li murmuris por si:
— Nu, ja estas jam mia sorto ankaŭ.
Li aŭdis mallaŭtan ploradon malantaŭ si. Doloris lin la larmoj, kaj li diris:
— Deborele, kial vi ploras? ne ploru!
— Kial mi ne ploru, ke mi havas tian malfeliĉan sorton, ke Dio min tiel punis.
David ne povis sin plu regi. Li kaŝis sian vizaĝon inter ŝiaj brustoj kaj enploris.
— Ja estas jam mia sorto ankaŭ, Deborele.
Kaj li ne sciis, ĉu ili estas larmoj de feliĉo aŭ malfeliĉo.

El la juda: *I. Jurysta.*

1) Estas kutimo ĉe judoj, ke la fianĉo kovras la kapon de la fianĉino per vualtuko kaj per tio komenciĝas la geedziĝfesta soleno.
2) Badhan—tradicia amuzigisto.
3) Hupo-baldakeno sub kiu la gefianĉoj staras dum la geedziĝa ceremonio.
4) Diri Toron—signifas montri la scion en la sanktaj libroj.
5) Tnoim—akto gefianĉiĝa.
6) Preĝejo kaj lernejo, kie oni studas Talmudon.

# LA ESPERANTA RIMO

## — K. KALOCSAY —

Esperanto estas la lingvo de muzike sonoraj rimoj. La klaraj vokaloj, la strikte distingitaj konsonantoj ebligas tiajn purajn kaj longe postsonorajn rimakordojn, kiajn oni trovas eble nur en la itala lingvo. Tamen, la lingvo ne estas riĉa je rimoj. Ĝia rimmalriĉeco ja estas bone komprenebla: la lingvo havas relative malgrandan radikaron kaj, ĉar la samaj gramatikaj formoj havas samajn finaĵojn, la nombro de rimoj preskaŭ egalas al la limita nombro de la interrimantaj radikoj. Ĉarpenti malgrandajn poemojn kun la eterna ripetado de ŝimaj »prarimoj« (koro-floro-odoro: amo-flamo-ornamo; bela-ĉiela-miela; sento-vento-turmento: lin-fin'-sin': loko-voko ktp.) ne estas malfacile, sed la tradukanto de pli formriĉaj poemoj ofte rompas al si senkonsile la kapon kaj sentas urĝan bezonon: plivastigi la tro striktajn kadrojn de la espaj rimreguloj.

Zamenhof kaj Grabovsky uzis nur rimojn *purajn*. Sed ili tro ofte helpis sin per sufiksrimoj, per kunrimigo de samaj gramatikaj elementoj: anta-anta, iĝi-iĝi, ema-ema ktp. Ekzemple el la 12 rimparoj de »La Espero« kvin estas tiaj sufiksrimoj, inter la unuaj 50 rimparoj de Sinjoro Tadeo troviĝas 13 sufiksrimparoj. Do mem Grabovsky, kiu la sufiksrimon tiel sprite baptis adasismo, estis tamen devigita ne malofte uzi ilin. Kaj vane oni legas en la »Esperanta Versfarado« de *Parisot* kaj *Cart*: »Rimo konsistanta nur el gramatikaj finiĝoj estas foriginda«, la adasismoj ne estas ekstermeblaj, se oni ne helpas iamaniere pri la rimmalriĉeco, plimultigante la nombron de rime uzeblaj radikoj.

Do — oni devas helpi! Ĉar la adasismoj estas tute senartaj, *malplenaj* vortripetoj, en ili mankas ĝuste la esenco de rimo: sama sonoro de *malsamaj* vortoj. Pro tiu ĉi grava manko ili faras impreson de senpoveco: oni ne trovas rimon, oni do ripetas la saman elementon. *Rapidanta-brulanta* por mi havas la saman rimefekton, kiel *rapida estas-brula estas.*

Por liberiĝi de ĉi tiuj mucidaj adasismoj, jam antaŭ dek jaroj mi ekuzis rimojn *nepurajn*. Mi tiam nomis ilin asonancoj, sed ili estis pli, ĉar ili baziĝis ne sole sur la *vokalsameco*, kiel la asonanco hispana, sed krome ankaŭ sur la *parenceco de la konsonantoj.* Kelkaj atakis, kelkaj sekvis min. Kaj, jen kio pruvas la nepran neceson de la plivastigo de rimkadroj, penetris dume en nian poezion ankaŭ aliaj, alimanieraj rimlicencoj. Kelkaj el ili estas tre bonvenaj, sed kelkajn mi tute ne povas aprobi.

En ĉi tiu studo mi volas prezenti, klarigi kaj kritiki ĉiujn klopodojn ĉi rilatajn, por laŭeble akceli per tio la *unuecon de rimado*, gravan, laŭ mia opinio. Krome, mi provos fiksi ankaŭ la rimterminaron.

La rimojn mi dividas en kvar grupojn.

1, *Pura rimo:* sameco de ĉiuj akcentaj kaj post-

akcentaj vokaloj kaj konsonantoj.

2. *Rimoido:* sameco de ĉiuj akcentaj kaj postakcentaj vokaloj, pli malpli granda malsameco de konsonantoj.

3. *Agordo:* sameco de ĉiuj rimelementoj escepte la akcentitan vokalon.

4. *Radikrimo*, aŭ *aborta rimo*: pura interrimado de la radikoj, vokala kaj konsonanta malsameco de la finaĵoj.

La pura rimo kaj rimoido povas esti *ina* (akcento sur antaŭlasta silabo: granda-landa) kaj *vira* (akcento sur lasta silabo: pord'-kord', dum-sum', min-destin').

### 1. *Pura rimo.*

En la SIMPLA PURA RIMO ĉiuj rimelementoj (akcenta vokalo kaj postakcenta parto) estas la samaj. Ni povas distingi rimon *senkonsonantan* (tio-krio, veopereo), *unukonsonantan* (kara-amara, reĝo-seĝo), *dukonsonantan* (ardo-bardo, sendi-plendi), *trikonsonantan* (ventro-pentro, distro-filistro.)

APOGITA RIMO estas tiu pura rimo, en kiu samas ankaŭ la la antaŭakcentaj konsonantoj (bruo-truo, figuro-aŭguro, kristalo-piedestalo). En kelkaj poezioj, ekzemple en la angla, tiaj rimoj estas malpermesitaj. En Esperanto tiu ĉi malpermeso ne ekzistas, kaj estas nenia motivo ĝin fari. Tiom malpli, ĉar tiaj rim-apogaj konsonantoj estas tre bonvenaj, por nobligi adasismojn. Per ili estiĝas.

APOGITAJ SUFIKSRIMOJ: hontema-pentema, kaptisto-kantisto, perdante-ardante, spertulo-fortulo, singultado-salīado, ŝanĝiĝi-ruĝiĝi, tranĉita-falĉita). Tiuj ĉi *noblaj adasismoj* estas vere belsonoraj, kaj tute egalvaloraj al la veraj rimoj.

SUPERRIMO mi nomas tiun rimon, en kiu rimas ankaŭ la antaŭakcentaj silaboj. Ĝi povas esti unusilaba (rumana-humana, deklami-reklami, lunatika-fanatika, klasika-brasika, kompata-trompata, suferita-merita, gavota-savota) kaj laba (blondulin'-respondu lin, per la moto-perlamoto, posta horo — frosta koro). Sed ĉi tiuj plejparte estas rimludoj, ilia trouzo facile povas fariĝi komika. Plej utila estas la superrimo por fortigi la rimefekton de la tro malriĉe rimantaj personaj pronomoj (sendas lin — defendas min, faras li — baras mi, aŭskultis ŝin-insultis lin).

TRANSRIMO oni povas nomi tiun rimon, kie la lasta vortparo konsistas el la samaj vortoj, kaj la antaŭlasta vortparo rimas: venu jam — komprenu jam, amu ŝin — ornamu ŝin, riĉa estas — feliĉa estas, ordonu ilin — pardonu ilin. Inter superrimo kaj transrimo staras la

PSEUDOSUPERRIMO: rimantaj radikoj kun la samaj sufiksoj (falema-batalema, sendita-vendita, amanta-flamanta, disigi-kisigi). Kompreneble ĉi tiuj transrimitaj, aŭ superrimitaj adasismoj estas plenvaloraj puraj rimoj.

ADASISMOJ, sen apoga konsonanto kaj sen transrimo estas nepre evitindaj. Maksimume en tiaj okazoj oni povas allasi ilin, kiam la sufikso, en unu aŭ ambaŭ rimvortoj, jam tiel kunfandiĝis kun la radiko, ke ili kune kvazaŭ formas novan radikon: *homaro*-*arbaro*, *rideti*-kolereti, *virino*-katino, *pafilo*-kuracilo. Sed la participaj finaĵoj, aĵo kaj eco, igi kaj iĝi kaj precipe *adas* estas neniel ekskuzeblaj adasismoj.

Ĉi tie oni povas mencii la LAMAN RIMON rimon inter jambaj kaj trokeaj verspiedoj: venkissen kis', amas-amas', tamen-ciklamen'. Laŭ la espa prozodio, ĝi estas tute ne uzebla.

### 2. *Rimoidoj.*

En la rimoidoj la akcenta kaj postakcenta vokaloj estas la samaj, sed la konsonantoj pli-malpli diferencas. De la grado de ĉi tiu diferenco dependas la *rimefekto* de la rimoidoj.

Kio estas rimefekto? Tiu sento de la aŭskultanto, ke la versfinoj sone *konformas* unu al la alia. La konformeco kompreneble estas plej perfekta, se la versfinoj sone *samas*. Sed la senton de konformeco povas veki ankaŭ tio, ke la versfinoj sone *similas*. Sur ĉi tiu simileco baziĝas la uzo de rimoidoj. Ju pli granda la simileco, des pli perfekta la rimoido.

El ĉi tio sekvas, ke la plej perfektaj rimoidoj estas la

PARENCRIMOJ. Tiel mi nomas tiun rimoidon, en kies rimvortoj la konsonantoj, aŭ unu konsonantparo, estas *parencaj* inter si. Ĉi tiu parenceco baziĝas sur fonetikaj leĝoj. Por kompreni tion mi skizos pretere la estiĝon de la konsonantoj.

La konsonantoj naskiĝas per tio, ke la aerfluo, venanta tra la buŝo, trovas malhelpon, kiu povas esti

1. plena, kiun la aerfluo venkas por momento kaj en ĉi tiu momento, kvazaŭ per eta eksplodo, estiĝas la voĉo (konsonantoj *momentaj*, aŭ *plozivoj:* bo, po; do, to; dzo, co; ĝo, ĉo; go, ko),

2. malvastiĝo de vojo, kiun la aerfluo pene trairas kaj dum ĉi tiu trapenetro estiĝas la voĉo (konsonantoj *kontinuaj* aŭ *blovsonoj* (vo, fo; zo, so; ĵo, ŝo).

3. diverĝo de la aerfluo duflanke de la lango (lo, ro).

4. devio de la aerfluo tra la nazo (mo, no).

Krom ĉi tio la konsonantojn difinas la loko de la malhelpo (naskloko), kiu povas esti



István Barta: *Portreto*

1. la du lipoj (konsonantoj *lipaj:* bo, po; vo, fo; mo)

2. lango kun dentoj (konsonantoj *dentaj:* do, to; zo, so; no; ro; lo)

3. lango kun gingivo (konsonantoj *gingivaj:* dzo, co)

4. lango kun palato *(konsonantoj palataj):* ĵo, ŝo; ĝo, ĉo)

5. gorĝo (konsonantoj *gorĝaj* (go, ko).

Kiel ni vidas, naskloko kaj estiĝmaniero estas la samaj ĉe la sekvantaj konsonantparoj:

bo-po do-to ĝo-ĉo go-ko ro-lo
vo-fo zo-so ĵo-ŝo

Krome, la naskoloko estas malsama, sed la vojo de la aerfluo estas sama ĉe la konsonantparo:

mo-no.

Ĉi tiuj konsonantparoj estas *parencoj unuarangaj.* La parencrimo ilin uzas, kvazaŭ ili estus konsonantoj *samaj.* Escepte la lastan (mo-no), ili diferencas nur per tio, ke la unua estas akompanata de laringvibro (konsonantoj vibraj) kaj la alia ne (konsonantoj mutaj). Ĉe ro la vibro okazas ne en la laringo, sed en la naskloko, inter lango kaj dentoj.

*Duarangaj parencoj* estas tiuj konsonantoj, kiuj samas laŭ naskloko kaj laringvibro, sed malsamas laŭ estiĝmaniero. En la supra tabeleto ĉi tiuj parencparoj staras unu sub la alia. La kunsonoro de tiuj ĉi paroj estas multe pli malbona, ili plejparte tute ne taŭgas, kiel rimantaj paroj. Pri kelkaj el ili ni ankoraŭ parolos poste.

Inter la unuarangaj konsonantparoj oni povas starigi certan vicon de rimvaloro. Plej bonaj estas ĝo-ĉo, ĵo-ŝo, zo-so, vo-fo, bo-po. Malpli bonaj: go-ko, do-to. Poste: ro-lo. Malplej bona: mo-no.

La parencrimo povas esti:

1. *simpla,* kiam la akcentan vokalon sekvas nur po unu konsonanto, parencaj inter si: aĵo-paŝo, vivo-ŝoifo, suĉi-ruĝi, trupo-nubo, nuko-jugo, vazo-paso, bruta-nuda, teruro-okulo, pasema-venena. (Rimarku, kiel malforte kunsonoras la du lastaj parencrimoj, rilate al la antaŭaj.)

2. *duobla,* kiam la akcentan vokalon sekvas po du konsonantoj, kaj ambaŭ estas parencaj al la respektivaj konsonantoj de la alia rimvorto: fremda-penta, polvo-orfo, migra-tikla.

3. *kombina,* kiam apud la konsonantoj parencaj troviĝas ankaŭ konsonantoj samaj. Ĝi povas esti

a. *antaŭkombina,* kiam la samaj konsonantoj antaŭas la parencajn: planto-lando, korvo-orfo, korpo-sorbo, vigla-nigra.

b. *postkombina,* kiam la parencaj antaŭas la samajn: kadro-patro, mildo-birdo, fremda-plenda, ĉerko-velko, tikla-vigla.

c. *interkombina,* kiam la samaj ĉirkaŭfermas la parencan: montri-tondri, vintro-cindro, ĵonglo-onklo.

Plej bonaj estas la interkombinaj kaj postkombinaj parencrimoj, sed ankaŭ la antaŭkombinaj havas

---

# Dante Gabriel Rossetti

**— Jaroslav Vrchlicky —**

Ŝi mortis, kiu — kvazaŭ stelo klara
Ŝvebante gvide super lia vojo —
Venigis lin el vivo ordinara
Al puraj fontoj de l' eterna ĝojo.

Ŝi mortis, kiu sola ekkomprenis
La novan arton de l' amata viro,
Ŝi, kies man' flugilon lian tenis
Kaj riĉe lin dotadis per inspiro.

Jes, certe la majestan idealon,
Pri kia revis li, ŝi nun similas:
Stelornamitan portas ŝi vualon,
Sur ŝia frunto matenruĝo brilas.

Kun manoj kunmetitaj ŝi enpense
Rigardas el fenestro de l' ĉielo
La mondon, kie ombroj svarmas dense
Kaj en nebul' pereas ĉiu stelo...

Li longan tempon meditante sidis;
Preninte fine tutan sian verkon,
Por ŝi kantitajn strofojn — li decidis
Al ŝi enmeti ilin en la ĉerkon.

Sur ŝia kor' — en kiu elokvente
Eĥadis iam sento plej profunda,
Sed kiu nun ripozis jam silente —
La kantoj kuŝis, kies rim' abunda

Sonore tremis aŭ dolore ĝemis,
Flustrante pri la amo kaj espero...
Al ŝia buŝo kison li alpremis
Kaj donis korpon ŝian al la tero...

* * *

Kaj nubaj tagoj senkonsole pasis.
Li ŝajnis esti Sfinkso kun problemo —
Sed arto lia solvi ĝin ne lasis,
Kaj lian koron ŝarĝis peza premo.

Subite du demonoj stranga paro
Komencis lin ataki per riproĉoj,
Kaj kiel vent' aŭtuna en arbaro,
Simile muĝis la teruraj voĉoj.

Jen diris unu: »Kion do vi faris?
Anstataŭ novajn serĉi admirantojn,
Prirabis vi la mondon. Vi eraris:
Ĉe morta korp' vi kaŝas vivajn kantojn!«

Kaj la alia diris: »Malprudente,
Rezigni pri grandeco kaj pri gloro;
La versoj certe ĝenos ŝin turmente
En ĉerko ŝia per mallaŭta ploro!«

Jen unu: »Ve, atendas vin pereo:
Sur la standardo, kiun vi eksvingis,
Nun sian reton teksas araneo —
Blasfeme fajron dian vi estingis!«

Kaj la alia diris: »Kia senco
En la rezigno? Vin ne volu trompi;
Monduma kant' — infan' de malpotenco —
Nur povas ŝian songon interrompi.«

tre bonan rimefekton, kaj estas tute egalvaloraj al la pura rimo. La duoblaj parencrimoj, kontraŭe, estas pli malfortaj rimoj kaj tial prefere evitindaj.

Helpate de kombino, oni povas uzi ankaŭ duarangajn parencparojn (sabro-kadavro, korpo-orfo, penso-intenco) eĉ konsonantparojn ne parencajn: go-do (fingro-cindro, hidro-migro).

Ankaŭ la vokalo ne estas indiferenta. U, kiel tre »penetra« vokalo, fortigas la rimefekton: brulo-muro estas pli bona rimo ol belo-vero, aŭ baro-falo.

Tre bone oni povas plifortigi la rimefekton de malfortaj parencrimoj per superrimado. Venĝema-matena, korbato-irado, ĉagrena-plorema estas ne tre fortaj rimoj, sed venĝema-senĝena, korbato-sorbado, ĉagrena-flagrema estas rimoj eminentaj.

Entute la uzado de parencrimoj ne estas tiel mekanika afero, kiel la uzado de rimoj puraj. Ĝi donas al la poeto abundan okazon, montri sian lerton kaj guston ankaŭ ĉi rilate. Ĝi estas vere la »alta skolo« de rimado.

La uzo de la parencrimoj ne baziĝas sur la malpura elparolo de la konsonantoj. Ĉiujn konsonantojn parencajn oni povas elparoli pure kaj klare. Ilia uzo baziĝas sur la alkutimiĝo: *elaŭdi kunsonoron el sonoj parencaj.*

Tia alkutimiĝo ne estas ia speciala postulo, metita nur kontraŭ Esperantistoj. La parencrimojn ja konas kaj uzas ankaŭ multaj naciaj poezioj.

Ekzemple en la germana poezio tia admirinda majstro de formo, kia estas *Rainer Maria Rilke*, abunde uzas tiajn rimojn: rot-Tod, Gestalt-Wald, sind-beginnt. Ĉi tiuj estas ja viraj rimoj, do, oni diras, eble allaseblaj. Sed ĉe li oni povas trovi ankaŭ la virinan rimon: Inseln-blinzeln, kaj ĉe Schiller: vergelten-melden, Erde-Schwerte, Bote-Tode, Schosse-Rose, vergleichen-neigen, Löwen-Höfen.

La franca lingvo vere ne bezonas iri trans la pura rimo, ĝian rimadon ja enviinde helpas la nazsonoj, kiuj englutas post si ĉiujn konsonantojn, kaj per tio tute perfektaj rimoj fariĝas ekzemple: quand-suffocant, degoutant-longtemps. Tamen oni kelkfoje uzas parencajn konsonantparojn, kiel konsonantojn apogajn (consonne d'appui). *Dorchain* en sia »L'art de vers« diras tolereblaj: vertu-pendu, assoupie-Arabie, philosophie-suivie, confiner-régner. Kaj ĉe la simbolistoj oni trovas ankaŭ verajn parencrimojn: monte-blonde, appellent-ailes.

Ankaŭ en la rimriĉa itala lingvo oni uzas rimoidojn, precipe en la popola poezio. En la kolekto de *Levi:* »Fiorita di canti tradizionali del popolo italiano« ĉiupaĝe troviĝas tiaj rimoj: terra-bella, Roma-persona, eĉ, sempre-crescente kaj nato-capo.

En la hispana kaj kataluna poezio ĝis nun floras la asonanco: rimvortoj kun nura vokalsameco.

La parencrimo do principe ne estas fremda al la devenlingvoj de Esperanto, sekve ĝi ne devas esti fremda ankaŭ al Esperanto mem. Tiom pli, ĉar Esperanto nepre bezonas ĝin.

---

Jen unu: »La propraĵon vi reprenu!«
Jen la alia: »Savu la volumon.
Kaj same ankaŭ ŝin vi malkatenu —
Al ambaŭ helpu vi revidi lumon!«

* * *

Sur liaj brust' kaj cerbo kuŝis pezo...
Li levis sin... La frunton ŝvit' ektegis...
Li prenis lampon... Estis noktomezo...
Ĉirkaŭe frost' — sed lia kor' bolegis...

Malsupren paŝis li al tombo kela,
De ombro sia nur akompanite:
Ĝi malaperis jen en niĉ' malhela,
Jen kreskis ĝi en luna bril' subite.

La ĉerkkovrilon malferminte pene,
Li levis ĝin per movo malrapida —
Kaj antaŭ li montriĝis riproĉplene
Vizaĝo vakse pala kaj rigida...

La neĝeblankan frunton mirto kronis,
Kaj sur la manoj de la karmemora,
Sub kiuj iam harpo dolĉe sonis,
Ankoraŭ brilis fianĉringo ora.

En la volum' sur morta koro ŝia
Ripozis la idea mond' giganta —
Ĝi, kiun nur por ŝi kun sento pia
Li mem zorgeme estis konstruanta.

Avide, kvankam time, li ekprenis
La pergamenon, por ĝin reposedi,
Sed ĝin la mortaj manoj firme tenis,
Ŝirmante ĝin kaj ne volante cedi.

Kaj li, la sama, kiu ja konstante
Sur ŝian vojon rozojn ŝutis sterne,
Nun kontraŭ ŝi batalis arogante,
Por povi sin glorigi por eterne...

* * *

Denove tagoj senkonsolaj pasis,
Kaj li similis Sfinkson kun problemo —
Sed arto lia solvi ĝin ne las's,
Kaj lian koron ŝarĝis peza premo.

La du demonoj ne plu nun ekprovis
Veneni lin per tentoj ambiciaj;
Kaj tamen li en sia domo trovis
Amason da fantomoj — sed aliaj.

Li konsternite spertis, ke la kantoj,
De li verkitaj nur por ŝia plaĉo,
Nun antaŭ surdaj sonas aŭskultantoj,
Ke piedpremas ilin popolaĉo.

Aŭdante, kiel vorto kalumnia
Ofendas eĉ anĝelan ŝian koron,
Li pensis time, ke en tombo sia
Nun certe novan sentas ŝi doloron.

Kaj ne plu povis li la kanttrezoron
Redoni pente al la kor' mortinta —
Li sciis jam, ke li la duban gloron
Tro multekoste estas akirinta.

Jen ŝi refoje antaŭ li aperis:
En sia ĉerko ŝi senmove kuŝis,
Profilon ŝian mirta kron' borderis,
La palan frunton floroj milde tuŝis.

Sub ŝia ring', brilanta tra malhelo,
La kantoj dormi povus ja kviete,
Ĝis kiam en la regno de l' ĉielo
Deklamus ilin li al ŝi ripete!

*El la ĉeha: Miloš Lukáš*

Kaj ĉar la parencrimo baziĝas sur fonetikaj leĝoj, al ĝi facile povas amikiĝi ankaŭ tiuj, en kies nacia lingvo tiaj rimoj mankas. Tiom pli, ĉar ilin helpas ankaŭ la *trompiĝo de la orelmemoro.* La rimoj ne staras unu apud la alia, ilin ja disigas pli malpli longaj verslinioj. Dum la atento al la enhavo de la verso oni ne fiksas precize la sonoron de la unua rimvorto, havas pri ĝi nur duonklaran memoron, kiun tute bone kontentigas ankaŭ la rimo parenca. Povas okazi al principa malamiko de parencrimoj, ke li simple ne rimarkas la parencrimojn en deklamata poemo. Komprenebie la okulojn oni ne povas trompi, precipe se oni ĉasas la nepurajn rimojn kun ruĝa krajono en la mano. Sed verso estas por oreloj. Se la anglaj okuloj kontentas pri *repose-knows, powers-hours, grew-trough*, ankaŭ la Esperantaj povas kontenti pri *dolĉa-sorĉa* kaj *dimanĉo-ŝanĝo.*

*(Daŭrigota)*

# MODERNAJ FABELOJ
## III. Pri la distra profesoro
**— F. Szilágyi —**

Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro estis tre-tre alta monto, sur la supro de la monto estis tre-tre bela kastelo, la belega kastelo havis tre-tre nigrajn kamentubojn. Sur unu de grandegaj, nigraj kamentuboj sidis tre-tre eta birdo. Ĝi rakontis al mi la jenan, veran historion :

Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la vitromontoj vivis granda kaj potenca princo. Li havis tre simpatian, junan kaj belan filon. La juna princido fianĉiĝis kun la princidino de la najbara urbo. Tiu princidino estis la plej bela virino en la mondo, ŝiaj okuloj similis al nokto, ŝia vizaĝo lumis, kvazaŭ la suno, sur la vangetoj floris la ruĝeto de la printempo, sur la etaj lipoj flamis la somero. ŝia talio... hm!... ŝia talio estis la plej bela sur la mondo, sed... sed... sed la princido tamen kuraĝis diri al sia patro, al la potenca princo :

— Kara Paĉja Moŝto, mi vere estas kortuŝite dankema pri Via moŝta propono pri edziĝo, sed la noktokula princidino... tiel ŝajnis al mi... hm... ŝi havas monteton sur ŝia neĝblanka dorso... Mi pensas, ke oni nomas tion : ĝibo.

La patro majeste respondis :

— Jes, mia kara. Estu trankvila, ŝi estas certe la plej bela sur la tuta mondo. Vere ŝi havas... ŝi vere havas sveltan ĝibeton, sed ĝi eĉ altigas ŝian belecon. Krom tio ŝi havas riĉegan, belan kaj potencan patron. Vi estos havanto de la plej simpatia ĝibeto kaj la plej respektinda bopatro. Ĉu...?

— Jes ! — respondis simple la juna princido.

Do la juna princido fianĉiĝis kaj alvenis la feliĉa tago de la geedziĝa soleno. La tuta urbo febriĝis kaj la modrevuoj jam inaŭguris la sensacian novan modon: iom post iom la elegantaj sinjorinoj hontis sen ĝibo iri sur la straton, viziti la teatrojn, salonojn kaj amuzejojn.

Antaŭ semajnoj la granda kaj potenca princo kunvokis sian konsilantaron, kaj demandis, kiamaniere oni povos memorindigi al la loĝantaro de la urbo la festan tagon de la geedziĝo. Fine oni konsentis, ke por la festo oni konstruos grandegajn cementbazenojn, en kiuj estos vino, biero, brando ktp. kaj estis ankaŭ aparta laktobazeno, ĉar en la urbo ne mankis eĉ la alkoholkontraŭuloj.

La eta birdo tre multon rakontis al mi pri la ceremonioj, popolamuzoj, pri la beleco de la juna paro, pri la grandiozaj, ornamitaj ĝiboj de la sinjorinoj kaj inter aliaj ĝi rakontis al mi tre ridindan, interesan epizodon. Pro manko de loko mi nur tion fabelos al vi :

Vivis en tiu urbo tre stranga ekscentrikulo. Li estis profesoro, tre-tre distra homo. Li nek manĝis, nek trinkis, nek dormis, sed ĉiam cerbumis. Li faradis ĉiam nerealigeblajn planojn, verkadis fantaziajn ellaboraĵojn pri malbelaj temoj : malsanoj, mizeroj, ekonomia krizo, plibonigo de la ĝenerala situacio, intensigo de la produktado, senlaboreco, sed ĝenerale tre malmultaj interesiĝis pri la vanaj projektoj de la stranga profesoro. Sed la profesoro tamen plu cerbumis. Eĉ dum la granda festo li nur meditadis la tutan tagon. Ĉirkaŭ li ĉiu dancis, trinkis, diboĉis kaj la ebriuloj iomete embarasis lian meditadon. Pro tio li decidis elekti alian vojdirekton. Fine li atingis la ĉirkaŭaĵon de la laktobazeno. Strange diri, sed laŭ la vortoj de la eta birdo la tuta popolo, de la suĉinfanoj, ĝis la longbarbuloj svarmis ĉe la alkoholbazenoj, kontraŭe



Béla Vörös: *Sur deklivo*

ĉe la lakto estis neniu. La profesoro estis distrulo kaj li ne rimarkis, ke li estas en la mezo de belega parko, kie turdoj fajfis, branĉaro susuris, venteto zumis, sciuroj petolis, rondkuris, eĉ li ne rimarkis la forlasitan, profundan laktobazenon.

— Ĉu vi scias, kio okazis? La malfeliĉa profesoro hazarde falis en la laktobazenon. Li estis iomete distra kaj dum la unuaj momentoj eĉ li mem ne perceptis sian akcidenton kaj li eĉ en la lakto cerbumadis pri la verŝajna bankroto de la mondo. Li estis pacienca kaj modesta homo kaj li observadis en la laktolago la kaŭzojn de la malsanoj ktp., sed fine la amase enfluanta lakto devigis lin kriegi:

— Helpuuu! Helpuuu!

Post kelke da momentoj kuris tien de ĉie la homoj. Unu el ili volis tuj elsavi la distran profesoron, sed la alia, la fama juristo, sinjoro d-ro Titolavida kiu hazarde miksiĝis en la amason, retiris la jakon de la saltemulo:

— Atendu! La afero ne estas tiel simpla. La bazeno havas specialan celon kaj ĝi estas princa bieno. Ĉu ne estas kontraŭjura kaj kontraŭmajesta ensalti tien?

Fariĝis granda disputo. Novaj kaj novaj proponoj alvenis. Oni elektis prezidanton, (sinjoron Titolavidan,) fondiĝis du partioj: por-ensaltuloj kaj kontraŭensaltuloj. Intertempe la modesta profesoro kontente rigardis la evoluon de la afero, esperante sian baldaŭan savon. La situacio ne estis agrabla, sed, rigardu, li konsolis sin, tuj finiĝos la afero. Dume ni filozofadu pri la malbona mortstatistiko! li diris poste al si mem. Sur la bordo sin anoncis jam la dudeka oratoro:

— Tre estimataj ĉeestantoj! — diris laŭtege kaj fiere nova oratoro — Tio estas fakto...

— Ne, lakto! — interparolis la profesoro, sed la prezidanto konstatis lian malkompetenton kaj malpermesis al li la parolon. Fine oni elektis komitaton, kies tasko estis, decidproponon fari al la kunveno.

La situacio de la distra profesoro ĉiam malpliagrabliĝis. Lin jam sufokis la laktolago. Sed li estis modesta homo kaj li atendis preskaŭ pacience. La komitato post iome longa diskuto revenis kaj raportis, ke ili fondis novajn subkomitatojn por la esplorado de la juraj, kuracistaj kaj ekonomiaj aferflankoj. La distra profesoro sentis, ke jam alvenas la lasta momento. Kion fari? Sur la bordo oni nur disputis. Kion fari? Ĝi jam estis preskaŭ tutplenigita de lakto. Kion fari? Kion fari?

Heeelp...!

La profesoro estis ege distra homo. Kaj antaŭ la fino de la lasta helpkrio, sereniĝe li surbatis sian frunton:

— Tute mi forgesis, ke mi scipovas naĝi!! — diris li kaj elnaĝis.

Se li ne estus elnaĝinta, la fabelo de la eta birdo eĉ pli longe daŭrus.

## Fil' de l' ter'

*— Valerij Brjusov —*

Mi estas fil' de l' ter', planed' ermita,
Perdita en spaceg' de mondomult',
Sub jugo de jarcentoj turmentita,
Revanta pri alio sen rezult'.

La fil' de l' ter' kun etaj tagoj, jaroj,
Kun dolĉo de printempa verda jun',
Kun de la mens' turmentaj enigmaroj,
Kun ama sonĝ' lulata de la lun'.

De protoplasmo ĝis iktiosaŭroj,
De sovaĝulo kun silik-armil'
Ĝis bela templ' dormanta inter laŭroj,
De praprofet' ĝis mia rim-subtil', —

Kaptitoj estis ĉiuj sur la tero;
Kaj ofte dum senfina jar-cirkul'
Moviĝon de planedoj en etero
Observis scivolema ter-okul'!

Al ĉi gefratoj niaj malproksimaj,
Al la estaĵoj sur la stel-planed'
Ho, kiomfoje flugis la animoj,
Saĝul-medito, revo de poet'!

Mi fil' de l' ter', nur unu el la multaj
Mi verdon ĵetas al la spac' sen rand', —
Al vivaj uloj, strangaj kaj okultaj
Loĝantoj de alia kosmoland'.

Ne scias mi, ĉu trafos voĉo voka,
Kaj kiel venos resaluta vort',
Sed, se sufer' kaj amo reciproka,
Kaj rev' ilia estis ankaŭ sort',

Kaj se absorbis ilin mondmisteroj,
Logante per radioj el la for', —
Komprenos ili voĉon de la tero,
Sopiron elvenintan el la kor'!

Vi, de Venuso aŭ de Marso mastroj,
Kun lum' aŭ kun krepusko en uni', —
Vi kiel mi, de l' kredo estu pastroj,
Ke tamen fine estos kune ni!

*El la rusa: V. Sutkovoj.*



## OBSERVO

### *JAMES JOYCE: ULYSSES*

De kelkaj jaroj la nomo de James Joyce traŝtormas la literaturajn rondojn. Ĝi estigas pasiajn disputojn, furiozan entuziasmon kaj ankoraŭ pli furiozan antagonismon. Oni timas lin, oni nekomprenas lin. Li havas disĉiplojn kaj li efikas eĉ je tiuj, kiuj anatemas lin. Oni klarigas lin; troviĝas multaj kiuj ridas pri li, eĉ pli multaj, kiuj indignas pro li. Oni ne povas senvorte preteri lin. Kion li faras, estas provoka kaj indigniga; sed ĉiu konsentas, ke Ulysses, la ĉefverko de Joyce, malkovras tute novajn eblojn por la romanverkado. Li verkis ĝin de 1914 ĝis 1921. Ĝi ampleksas pli ol sepcent dense presitajn paĝojn.

La intenco de Joyce estis krei, kio ankoraŭ ne ekzistis. Radike kaj plene novan, surprizan, originalan. Li uzas ĉian ilon por atingi sian celon. Li eltordas la lingvon, li ekneas la pleje akceptitajn konvenciojn kaj tradiciojn. Plenintence li indnigigas, kun antaŭa pripenso li profanas

ideojn. Li opozicias kaj ĉion neas. Konsekvence, aŭ nekonsekvence, kiel kontentiĝas lia gusto, aŭ kiel li pli facile atingas sian celon: li miskondukas, priskribas drastajn scenojn, malkovras, seniluziigas kaj ĉion ĉi en lingvo malfacile postirebla, ofte eĉ tute ne komprenebla, nur iom divenebla. Li dispecigas la homon je la atomoj de l' sentumaĵoj kaj imagoj; li denove kunmetas ilin kaj trovas plaĉon en tio, ke li konstruas groteskajn figurojn. Li ne multe zorgas pri tio, kion oni diros. »Ĉu vi legas du paĝojn el du libroj vespere? Kio? Mi estis juna. Vi kliniĝis antaŭ vi mem en la spegulo, vi iris antaŭen, serioze aplaŭdi, impona vizaĝo. Vivu multe la dimalbenita idioto! Ha! Neniu vidis: al neniu diru. Vi volis verki librojn, literoj estus estintaj la titoloj. Ĉu vi legis ĝian F-on? Ho, jes, sed la Q pli plaĉas al mi. Jes, sed la W estas belega. Ho jes! W. Ĉu vi pensas ankoraŭ pri via epifanio sur paĝoj verdaj ovalaj, profunda, la kopioj post via morto devus esti senditaj al ĉiu granda biblioteko de l'mondo, inkluzive Alexandria. Iu legos ilin post kelkaj miljaroj, iu Mahamanpantara. Kiel Pico della Mirandola. Ha! Ĝuste! Se iu legos ĉi strangajn paĝojn, kiu estos jam delonge mortinta, li sentos, ke li tuŝos iun, kiu foje...«

La romano rakontas la travivaĵojn de Stephan Dedalus kaj Leopold Bloom de l' oka horo matene la 16-an de junio en 1904 ĝis la tria horo posttagmeza de l' 17-a junio en 1904. Ĉion ĉi konforme al la okazintaĵoj de l' Odysseia. Bloom ludas la rolon de Odysseus.

La erarvaganta homo, kiu forlasis la hejmon kaj kiun diversaj fataloj retenas de l' hejmeniro. Dedalus surveslas la figuron de Telemachos kaj reportas Bloom al la sopire atendanta Penelope, al sinjorino Bloom.

Ulysses, kiel mem la aŭtoro diras, estas ĉio: tragedio, romano, satiro, komedio, eposo, filozofio. Sintezo. La tuta mondo en sia ordigita senordo, aŭ senorda ordo, disigita, ree kunflikita, kiel ĝi tragutas la cerbon de ĉiutaga homo. Amaso de sovaĝaj asociacioj.

La signifon de Ulysses donas ĝia noveco, surpriza originaleco, la kuraĝo de l' esprimo kaj la neimageble forta spirita energio. La libron povas aprezi nur tiu, kiu tralaboris la tutan verkon. La detaloj nur ŝokas.

La titolo de l' plej nova verko de Joyce estas: Work in progress. Ĝi estas unuura frazo, sed eĉ pli ampleksa ol Ulysses. En tiu ĉi verko li konstruas tute novan mondon laŭ la principoj de Giambattista Vico, de la mistika mezepoka filozofo. Neniu komprenas eĉ unu vorton de tiu ĉi libro; sed tiuj, kiuj konas la verkon, kaj ne apartenas al la principaj kontraŭuloj de Joyce, diras, ke ĝi estas ekstreme interesa.

*Louis Brun.*

## *LINOTIPO EN LA MODERNA LITERATURO*

En la moderna poezio la tekniko okupas larĝan areon. Logas maŝinoj, altaj fornoj, lokomotivoj, komplikaj aparataroj por esti priskribataj, literature prilaborataj. Estas do ne mirige, ke oni jam kantis ankaŭ pri la maŝinaro de la tipografio: presmaŝinoj, rotaciaj presilegoj, linotipoj. La sekvantaj ekstraktoj montras speciale la linotipon en la moderna literaturo.

En la eldonejo Paul Zsolnay, Berlin, Wien, Leipzig, aperis antaŭ mallonga tempo romano de Hans Natonek »Mono regas la mondon«. En ĝi estas priskribita moderna gazetproduktejo. Jen ekstrakto:

»U. apertenis al ĉi tiu domego, en kiu, de supre ĝis malsupre, la matricoj brufluetis tra la linotipoj, la plumbo bolis en la kaldronoj, por fariĝi litero, la rotacimaŝinoj susuregis kiel arbaro, kiun ili formanĝegis, kaj kie la alfabeto ĉiutage estis mioble konsumata, por fariĝi makulaturo. Neniam regis absoluta silento en tiu konstruaĵo; ĉiam pasis mallaŭta interna tremetado kaj nervema vibrado tra ĝiaj muroj. Je la fasada flanko la gazetodomego estis brila kaj moderna. Ĝi montris vitran frunton eksteren, kaj tra ĝiaj ŝtalaj ripoj oni vidis batadi la purbrilan laborkoron. Estis pompa publika demonstracio de preseja instalaro, senĉese kuradis la paperstriegoj tra la ofsetmaŝinoj, potencaj foliegoj da brilpapero pleniĝis de la plaĉaj revubildoj de ĉarmaj virinoj kaj elegantliniaj aŭtomobiloj, kaj eĉ la enmetistinoj servantaj al la maŝinoj estis beletaj kaj akcepteblaj por revuo, almenaŭ tiuj, kiuj por parado laboris antaŭe apud la fenestregoj. Sed malantaŭe en la kortaj kaj akcesoraj konstruaĵoj la aero estis densa en eterne lumigitaj maŝinĉambregoj kaj senfenestraj koridoroj; ĉi tie nenio estis sentebla pri aero kaj higieno, ĉi tie la mondo estis la nepra malo de l' serena komforto de la multkoloraj revuoj. Ĉi tie regis aspekto de monaĥejo aŭ, pli ĝuste, se mi volas esti ekzakta, kiel en malnova frenezulejo iam estinta monaĥejo.«

En la libro de D-ro A. H. Kober »La animo de l' ĵurnalisto« (Rheinland-Verlag, Köln) ni aŭdas la klaketadon de la rapida kompostmaŝino. Legante la sekvantan ekstrakton oni scias, ke la aŭtoro parolas pri la linotipo:

»Mi estas presata. Kvazaŭ loga promeso sonas al mi frazo, kiam mi pensas pri la klaketado de la diligenta kompostmaŝino. Ĉion ĝi faras mem. Manĝas plumbpecojn, fandas ilin, enpremas en la molan metalon la matricojn, kunigas la literojn je linioj, bele kaj orde reĵetas la matricojn denove en iliajn ripozejojn kaj ne forgesas regluti la plumborestojn kaj refandi ilin. Ĉi ĉion ĝi faras mem. Ĝi estas absolute objektiva, memstara estaĵo. Nur: antaŭ la klavaro devas sidi homo, individuo, vekanta la subtilan organismon je vivo. Kaj antaŭ si la individuo tenas mian manuskripton. Ankaŭ ĝi estas direktata per volo: per mi! Ĉi tie kunludas homo kaj mekanismo en plej alta harmonio. Ĉi tiu maŝino hardas mian cerbon kaj mian koron en ŝtalo, kondukas la fluojn de l' amaso mallaŭte al mi. Ĝi kunligas min kun la mondo. Ĝi malligas miajn psikajn fortojn ankaŭ kiel laborfortojn por la homaro. Ĝi helpas min, incitas min, avertas min, kuraĝigas min. Mi amas ĝin. Mi volas vivi kun ĝi.

Mi — homo, vi — maŝino. Inter ni kreskas la gazeto. Mi plantas ĝin, ĝi maturiĝas por la amaso.«

Se disĉiplo de Gutenberg migradas, tiam certe batas lia tipografia konscienco, se dumvoje li venas en kontakto kun la linotipo. Jen kion oni legas en libro »Migrado« pri impresoj el Paris:

»Post noktomezo ni venis al la grandioza presejkonstruaĵo de l' »Matin«. Tie, de la teretaĝo ĝis la plej supra etaĝo, ĉio estis hela, luma, en funkciado. Ni aŭdis la unutonan klaketadon de la linotipistoj, la muĝadon de la rotaci-presmaŝinoj kaj la ludadon de l' telegrafo. Vekiĝis en ni la tipografia konscienco.«

*Kompilis J. Berger.*

# RECENZO



PER BALONO AL LA NORDA POLUSO.

Oficiala eldono de la antaŭ nelonge trovitaj taglibroj de *Andrée* kaj liaj du kunuloj pri la tragika veturado per la balono *Aglo* al la norda poluso en la jaro 1897. Aperis en Esperanto kun 12 alilingvaj eldonoj samtempe, la 25. de novembro 1930. Stockholm. Eldonita de la sveda societo por antropologio kaj geografio. Förlagsföreningen Esperanto U. P. A.

Prezo: broŝ: P. 15.30 — bind: P. 18.30

Dum la pasinta somero sensacia sciigo trakuris la mondon: oni trovis la kadavrojn kaj la lastan bivakon de la famaj svedaj polusvojaĝantoj Andrée kaj liaj du kamaradoj, kiuj antaŭ 33 jaroj per balono intencis atingi la nordan poluson kaj tragike pereis en la nekonata regiono.

La jurnaloj multe skribis pri la hazarda trovo kaj estis multaj homoj, kiuj el infanaĝo subite rememoris la jam preskaŭ forgesitan aŭdacan aerveturadon, kies partoprenintojn tiutempe reatendis la mondo.

Du ekspedicioj kunserĉis la restintajn ekipajojn kaj la kadavrojn de la tri bravuloj kaj portis ilin al la hejma tero. Survoje la norvega kaj dana nacioj funebre solenis kune kun la sveda nacio, donante al la mortintaj herooj la lastan indan honoron. Kompetentaj scienculoj prilaboris la trovitajn restajojn kaj nun en dika libro ili prezentas al ni la taglibrojn, skizojn kaj la sukcese rivelitajn originalajn fotojn de la ekspedicio.

Propre el du partoj konsistas la libro. La unua parto estas la detala priskribo de la ekspedicio de la komenco ĝis la fino. La diversaj ĉapitroj precize priskribas la preparon de la aerveturo, la konstruadon de la balono, la provflugojn, la forflugon al la direkto de la norda poluso, la ŝvebadon en la aero, la devigan descendon sur la danĝerplenan glacimaron, la penigan migradon sur la drivantaj glaciblokoj, kiuj katene tenas ilin, sendepende de ilia volo, la alvenon al la Blanka Insulo kaj la subitan katastrofon (eĉ nun ne klare kompreneblan), poste la trovon de la restajoj nunsomere, kaj la honorsolenan hejmenporton de la kadavroj. La dua parto enhavas la originalajn taglibrojn de Andrée, kiujn oni sukcesis preskaŭ tute deĉifri, kaj la stenografitajn leterojn de Strindberg (unu el la kunuloj), kiujn li skribis al sia fianĉino. Laŭ ĉi tiuj taglibroj, observnotoj kaj aliaj dokumentoj oni sukcesis tiel lerte kaj arte rekonstrui la tutan vojaĝon de la ekspedicio, ke la legantoj povas preskaŭ horon post horo postsekvi la tri heroojn, angore kaj scivole akompanante ilin en ilia fatala vojaĝo. La priskriboj estas tiel vivplenaj kaj emociantaj, ke ni ne povas flankenmeti la libron antaŭ ellego kaj anime ankaŭ ni mem partoprenas la ekspedicion, jen admirante ilian fortan volon, neelĉerpeblan humoron, jen kunsentante iliajn superhomajn suferojn.

Laŭ eksterajo kaj interna enhavo la libro estas unu el la plej belaj Esperantaj libroj. Libro tiel riĉe garnita per dokumentoj eĉ ne aperis en nia literaturo, kiu vere povas fieri pri la verko, grandsignifa ankaŭ per sia propaganda efiko. Kaj oni povas kore gratuli niajn sindonajn svedajn samideanojn, kiuj ne ŝparante energion, monon kaj tempon kuraĝis eldoni ĉi tiun libron impone belan! (416 paĝoj, 115 ilustrajoj!)

Ni devas tre laŭdi la lertan kaj belan tradukon de Stellan Engholm, kiu, malgraŭ la evidentaj malfacilajoj (multaj teknikaj sciencaj esprimoj, mallonga tempo) brile sukcesis. Lia stilo estas ĉiuloke tre populara kaj klara. La kelkaj neologismoj ŝajnas al mi motivitaj. Eble la kvankam gramatike ĝustan, sed nekutiman formon »onin« oni estus povinta eviti. La tradukon kontrolis akademiano P. Nylén. Ni devas ankoraŭ mencii B. Eriksson, la espan presiston, kiu dum tuta monato oferis siajn noktojn por la kompostado. Kaj rektoron Sam Jansson, kiu akiris la necesan monon por la eldono.

Mi estas certa, ke la libro havos la vere meritita grandan sukceson.

*Parvus Piscis.*

K. R. C. STURMER: POR RECENZO. Eldonita de Esperanto Publishing Co Ltd., 61 pĝ. Prezo broŝ. P. 2.70 — bind P. 4.70

Dum la unua literatura kurshoro de la Laborista Kleriga Asocio okazas renkonto inter universitata profesoro kaj ambicia, inteligenta juna laboristo, kaj per konvena hazardo ili komprenas unu la alian. Tiu ĉi fakto ne skuas la mondon, sed senrimarke ŝanĝas sentojn, pensojn, kondutojn — por momentoj, kaj kelkaj personoj, kies vivvojon krucigas la hazardo, faras kelkajn mallaŭtajn animgestojn. Poste sekvas nova mateno kaj ĉio reiĝas. Ĉu nur tiom? — demandas la leganto. Kaj mi povas respondi ĉu jese, ĉu nee. Ĉar tiu longeta novelo ne donas al ni detektivajojn, ne estas plena de surpriz-eksplodoj, sed ĝi estas brila pruvo pri la mozaikarta talento de la aŭtoro: vera valoro kaj granda promeso de nia literaturo. Sturmer estas miniaturartisto sen romantikaj pozoj. La romantikeco, kiu cetere ankoraŭ saturas la atmosferon de la juna Esperanta literaturo, estas tute fremda al li. Mi povus citi partojn de la novelo, kiuj konvinkus ĉiun pri la akra trafkapablo de la aŭtoro. Post kvazaŭ sensignifaj vortoj ni subite eksentas la priplorindan kaoson de nia epoko. Li estas nia plej hodiaŭa verkisto, kiun amuzas la akvoguto, ĉar en ĝi oni ludas la dramon de la mondhistorio. Ni vidas prezentadon. Ĉu ĝi estas pupteatro? Ne. La pupojn ne ŝnuroj direktas, sed io alia, La vivo? Aŭ la sorĉisto direktoro? Direktoro Sturmer, kiu tiel talente miksas subjektivajn kaj objektivajn elementojn, ke ni forgesas pri ĉio alia lin atentante? Sed eksonas la fina gongo kaj ni frotas la okulojn. Kiel grandaj estas niaj manoj kaj jen, kiel granda fariĝis denove la direktoro, sinjoro Sturmer!

La lingvo de la verko estas moderna, kuraĝa, sed ankoraŭ ne tio, kion en la Esperanta literaturhistorio oni nomos evoluinta Sturmera stilo.

*F. Szilágyi.*

PLENA VORTARO DE ESPERANTO. Verkita de Prof. E. *Grossjean-Maupin*, direktoro de la sekcio »Komuna Vortaro« ĉe la Esperantista Akademio, A. *Esselin*, S. *Grenkamp-Kornfeld*, Prof. G. *Waringhien*. Eldono de SAT. Paris XX. 23. Rue Boyer. Prezo: broŝurita P. 13.50 bindita P. 15.—

Per ĉi tiu zorge farita, ampleksa kaj detala, vere grandvalora verko la Plena Vortarego, kies necesecon deklaris insiste Zamenhof, faris gravan paŝon antaŭen sur sia vojo de efektiviĝo. Prave akcentas la Antaŭparolo, ke ĉi tiu libro, kiun ĉiuj, precipe Lingva-Komitatanoj povas facile ekzameni, esplori kaj pridiskuti, oportune liveros la necesan preparan bazon por la Oficiala Plena Vortaro.

Sed estus tro avare atribui al ĉi tiu grandskala verko sole tian preparan, laborfaciligan, laborinstigan signifon. Ĝi estas vere manko-kompensa, urĝe necesa por ĉiuj! Ĉar la Kabe-vortaro jam arkaiĝis, nek ĝia vortprovizo, nek ĝiaj vortdifinoj estas plu kontentigaj. La Boiracvortaro estas la modelo de la malfacila uzebleco. La Wüster-vortaro estas ideala en sia grandioza perfekteco, sed bedaŭrinde, ankoraŭ longe ĝi ne estos preta. Verkantoj kaj legantoj povas ĝoji pri la plenumo de longe kaj urĝe sentata bezono.

La Vortaro ne donas sole vortklarigojn, sed montras la uzon de la vorto per fraz-ekzemploj el bonaj aŭtoroj, precipe de Zamenhof. Per siaj tre zorge redaktitaj Zamenhof-ekzemploj li fiksas por ni la tutan Zamenhofan lingvouzon. Ampleksaj gramatikaj kaj vortderivaj klarigoj kaj vere admirinde zorge farita sinonimaro kompletigas la verkon je dezirinda kaj nemalhavebla vortaro.

Vere oni povas kelkloke la Vortaron legi kvazaŭ interesan lingvan studon, pri la ĝusta kaj larĝa uzo de iu aŭ alia pli elasta vorto. La fleksebleco kaj esprimriĉeco de nia lingvo ree montriĝas mirinde en la multkolora esprimaro. Oni klare povas rekoni, ke ni jam havas mirindan instrumenton en nia lingvo, oni ĝin devas nur bone koni kaj lerte uzi. Kaj por ĉio ĉi jen oni havas bonegan gvidanton en tiu ĉi libro.

Tian detalan studon, kian la vortaro meritus, bedaŭrinde ni ne povas fari inter la striktaj limoj de nia recenza rubriko. Pri kelkaj stildemandoj ni eble havos ankoraŭ okazon paroli aparte. Nun ni mencias nur kelkajn punktojn, kiuj, laŭ nia opinio, estas pli-malpli eraraj en la vortaro.

Anstataŭ *nenionfarado* mi preferus *neniofarado*, aŭ simple *nenifaro*. Akuzativo apud verbosubstantivo (uzado ĝin, invadado romanan imperion) estas nepre malĝusta: laŭ mia opinio per lerta formado de frazo oni ĉiam povas eviti tiajn formojn. Anstataŭ *Budao* mi preferus *Budho*. Anstataŭ *kunedziĝi*, *interedziĝi* al mi ŝajnas sole ĝusta: *geedziĝi*. Anstataŭ *enpiemo* la ĝusta formo estas *empiemo*. La ofte renkontata vorto *dubesenca* estas tute stranga, ĉar la meza e estas neniel pravigebla; oni komprenas *dub-esenca*, kvankam ĝi volas esti *dubasenca*, aŭ *dubsenca*. Nepre erara estas *sama ol*, devas esti *sama kiel*, ĉar *ol* signas ĉiam malsamecon, diferencon. La tria senco de JA estas tute ne komprenebla. Ĉe JEN mankas la ofte uzata formo: jen kio... La prepozicio ĈE kun akuzativo estas nekutima kaj certe ne rekomendinda. La vorto *kropfo* ŝajnas al mi monstra, mi proponus anstataŭ ĝi la medicinan vorton *strumo*. La vorto *pluen*, laŭ mi, estas, aŭ meritas esti arkaika; anstataŭ ĝi *ĉiam* sufiĉas *plu*. *Prostituistino* estas erare farita vorto, devas esti *prostituitino*, ĉar ĉi lasta ne prostituas, sed estas prostituita. *Sole* hodiaŭ estas nur la sinonimo de *nur*, cetere ĉiam oni devas uzi *sola*. Mankas sub *ĉi* la mencio, ke ĝi en poemoj ofte estas uzata anstataŭ *ĉi tiu*.

Mi ĝojis, ke en la vortaro mankas la malfeliĉa vorto *darfi*. Sed kelkaj aliaj, ofte uzataj neologismoj estus tre bonvenantaj.

Sed mi ne finu kun riproĉo. Necesa, zorge redaktita, urĝe aĉetenda, ofte kaj atente foliumenda libro!

*Kopar.*

*M. SADOVEANU: NOBELA PEKO.*

El la rumana originalo tradukis T. Morariu. Kun antaŭparolo de l' tradukinto. Eldonejo: Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. (Internacia Mondliteraturo vol. 21. 1929. 63. paĝoj). Prezo P. 2.40

Ĉiun volumon de l' serio, Internacia Mondliteraturo, prenas la leganto en la manon kun la certo, ke li legos valoran verkon kaj foliumos en libro laŭ aspekto bongusta. Iom post iom la serio fariĝas multkolora kalejdoskopo de l' mondliteraturo, malkaŝanta por ni precipe la trezorojn de la literaturoj de l' lingvoj ne tre disvastiĝintaj.

Por la unua de l' serio, kiu estis tradukita el la rumana lingvo, la tradukinto bone elektis la aŭtoron. Sadoveanu estas — laŭ la antaŭparolo de l' tradukinto kaj la literaturaj leksikonoj — la plej forta kaj valorplena nuntempa prozisto rumana, membro de l' Akademio Rumana, kiu en siaj multnombraj romanoj kaj noveloj per majstra peniko pentras la sekretan vivon de l' naturo. Mi estus estinta dankema al la tradukinto, se li estus karakterizinta pli detale la verkistajn kvalitojn de Sadoveanu, anstataŭ la simpla denombro de kelkaj titoloj de liaj libroj. Granda parto de l' esperantistaj legantoj la unuan fojon vidas la nomon de Sadoveanu, kiam ili legas tiun ĉi libron. Kiam oni prezentas verkiston al nia internacia publiko nekonatan, ne sufiĉas la banalaĵoj, ke la aŭtoro longe studis la fremdajn literaturojn, precipe la francan, tamen li ne lasis sin influi de fremda efiko. Ju pli larĝkalibra estas iu verkisto, des pli li travivas la tiel nomatajn »fremdajn efikojn«. Goethe mem menciis, kiom li transprenis el fremdaj manoj, sed li transformis tiujn transprenojn je ĉefverkoj. Do ni ne serĉu la »efikojn«, sed ĝuu la rezultojn.

Vere ni havas kaŭzon por ĝuo kaj ĝojo. Sub la plumo de Sadoveanu reviviĝas la naturo: la granda stepo, kies melankolian monotonecon apenaŭ vivigas etaj, ruĝaj stacidomoj en bukedoj de akacioj, laŭlonge de l' fervojo rekta, senfina; la marĉo, kun sia senfina etendiĝemo, kun siaj mallarĝaj pasejoj kovritaj de salikaj foliarkaĵoj, kaj kun sia vivoplena, feliĉe flugadanta multspeca birdomondo. La birdoj vivas, la marĉo vivas, la stepo vivas en la noveloj de l' aŭtoro, kvazaŭ ni vidus bildon pentritan de akre vidanta pentristo, sed ŝajnas, ke liaj okuloj ne estas tiom penetraj, kiam li rigardas la homojn. Ni scias malmulton pri ilia interno, ili ŝajnas al ni palaj siluetoj, tien-reen iradantaj en la mezo de l' indiferenta naturo. La homfigurojn de Sadoveanu mi forgesos, liaj pejzaĝoj vivos en mi, lia melankolio vibros en mia animo. Ĉar ĉiun el liaj pejzaĝoj, ĉiun el liaj figuroj ĉirkaŭŝvebas subtila melankolio, kvazaŭ delikata vualo: la melankolio de l' rusaj stepoj, de l' grandaj rusaj verkistoj.

La libro enhavas tri novelojn. La »Nobela Peko« estas drama rakonto el la junaĝo de rumana bienestro. »La Sciigantoj« skizas ĉarman popolkutimon kristnaskan en la kadro de kortuŝanta historieto pri du knaboj devojiĝintaj en neĝo kaj frosto. »En Arbaro Petriŝor« per simplaj vortoj rakontas pri la agonio de mortvundita kapreolino. Ni sentas doloron, kvazaŭ mortus iu al ni kara, kiam ni legas tiun ĉi poezian noveleton.

La traduko estas eminente bonstila. Tamen la talenta tradukinto permesu al mi kelkajn rimarkojn. Sur la 17-a paĝo anstataŭ »malmilda« estus pli bonsonora »sovaĝa«. Sur la 51-a paĝo ne estas ĝusta la loko de l' konjunkcio »ankaŭ«; ĝi ĉiam devas antaŭi la vorton, je kiu ĝi rilatas. Do la frazo sonas ĝuste: »ankaŭ tion mi entreprenas«. Sur la sama paĝo anstataŭ »finiĝis« estus pli bona »finite«. La vorto »ventregeto« estas iom stranga. Kun bedaŭro mi konstatis, ke la neoficialaj vortoj (ekzemple: vimeno, krekso k. t. p.) ne estas klarigitaj. Feliĉe tio ne kaŭzis al mi malfacilaĵojn, ĉar, kiam mi estis juna gimnaziano, pasie okupis mian fantazion ĉio, kio temis pri marĉo, pri ĝiaj plantoj kaj birdoj, kaj tiamaniere mi konatiĝis kun la fakvortoj latinlingvaj. Sed la tradukinto estus devinta pensi pri tiuj, kiuj ne havis tiajn »ornitologiajn« pasiojn.

Sed tiuj ĉi rimarkoj temas nur pri bagateloj, kiuj tute ne detruas la altan valoron de la lingvo Morariu-a. La ĉefan valoron de tiu ĉi lingvo mi trovas en ĝia diafana klareco kaj pura simpleco, sed tiu ĉi simpleco kaŝas en si internan abundon.

Al la tradukinto mi havas ankoraŭ unu peton: en la antaŭparoloj de siaj venontaj libroj li ne publikigu laŭdajn kritikojn pri sia verko, kiel li faris en tiu ĉi libro; la juĝon li lasu al la legantoj kaj recenzistoj. Ke la plene meritita laŭdo ne forrestos, pri tio mi estas konvinkita.

*L. Totsche.*

NOTHNAGEL: LA MORTADO. El la germana: Bernhard Selzer. Eldono de la Esperanto-Societo »Progreso«. Wien. X. Ettenreichgasse 4/31. 30 pĝ. Prezo 1 gm. (P. 1.50).

La temo nepre interesas ĉiujn. Kio estas la morto, kial ni devas morti? Eterna tasko de la kuracistoj: forigi kiel eble plej longe tiun momenton. Ni devas konsoliĝi per la rezultigo de la aŭtoro: »La teruroplenaj opinioj pri la fizika mortado plejmulte ekzistas nur en la imago... La naturo estas plejmulte pli kompatema, ol la homo... Ne fizike estas turmenta la mortado — turmenta estas la anima mort-angoro...«

Dum la lego ni ne povas nin ŝiri el sub la sugesta forto de la aŭtoro. Vere pravas la tradukinto en la antaŭparolo, ke li estis ankaŭ granda oratoro kaj nobla homo.

Modela kaj klara tradukstilo. Ĝi vere sukcese redonas la popularan stilon de la originalo.

*KABO.*



Megjelenik évente tízszer
Pestvidéki Nyomda Vácon

Felelős szerkesztő: **Bodó Károly**
Felelős kiadó: **Kökény Lajos**